# Esperanto-Enciklopedio

Ekonomia krizo skuegas la tutan mondon, novaj milionoj puŝiĝis en kruelan mizeron, la nacioj baraktadas inter pacemaj kaj militemaj ondoj, post la multaj trompiĝoj la homajn animojn ekkaptas la pesimismo, — sed malgraŭ ĉio ankoraŭ vivas kaj laboras la konscienco de la homaro. Ĉu toleri mute, ke la malamo kresku ĝis cielo, ĉu malesperi senpova kaj cedi svene al la nebonaj instinktoj kaj voloj ? Ne, centfoje ne ! Kiu detruus la detruilojn, kaj konstruus la konstruindaĵojn ? Tiuj devas esti ni, Esperantistoj, kiuj kredas, ke Esperanto progresas ! En la krizaj tempoj ekfloris denove Literatura Mondo, oferis per ĉarmaj ornamoj al la esperanta arto, nutras abunde nian plej vivan organon, la literaturon. Kaj nun ĝi komencis tre gravan laboron, preparegas fundamentan verkon, *Esperanto-Enciklopedio*, kies nura nomo jam postulas seriozan volon, egan laboron kaj neriproĉeblan efektivigon.

Meritplena rusa samideano, Ivan Ŝirjaev el Ruslando, laboris dum jaroj, kolektis sciigojn, notis notindaĵojn, aranĝis ĉion en aboca vico kaj la manuskripton sendis al la eldonejo de Literatura Mondo. La ĉefredaktoro faris tion, kion sola persono en fora vilaĝo povas plenumi kaj nun jam tuta aro da spertuloj korespondas, serĉas, esploras, komparas, kritikas, kompletigas kaj verkas, por prezenti al la esperantistaro imponan verkegon.

La gvindantoj de tiu ĉi komplika redakta laboro estas la tri budapestaj redaktoroj, Vilmos Bleier, Kálmán Kalocsay kaj Lajos Kökény, la ĉefkunlaborantoj estas : W. G. Adams, (Seattle, Usono) A. Arnessen (Oslo), A. D. Atanasov, (Sofia), Julio Baghy, P. Balkányi, N. Bánó, (Budapest), A. Behrendt, (Berlin), P. Bennemann (Leipzig), K. Bodó (Budapest), G. P. Bruin (Enschede Nederlando), M. C. Butler (London), S. Carreira (Lisboa), J. Dietterle (Leipzig), C. Domingues (Rio de Janeiro), Helmi kaj Hilda Dresen, (Tallinn), P. Flageul (Issy, Francujo), E. Grosjean-Maupin (Nice), R. Hromada (Praha), T. Indra (Riga), Julia Isbrücker (den Haag), N. Kawasaki (Osaka), A. Libers (Riga), Mc. Cormick (Dublin), P. Nylén (Stockholm), W. M. Page (London), I. Puhalo (Zagreb), K. Riedel (Dresden), F. Schoofs Antwerpen), O. Simon (Wien), W. Solzbacher (Köln), M. Spicer (Zagreb), A. Stamatiadis (Athen), H. Steiner (Wien), F. Szilágyi (Budapest), J. Takács (Nagymaros, Hungarujo), P. Tarnow, (Düsseldorf), P. Teuchner (Leipzig), L. Totsche (Budapest) kaj J. Zauner (Timiŝoara-Temesvár). La serĉo kaj elekto de la kunlaborantoj daŭras kaj la novan liston ni konigos siatempe.

Grandan parton de la Enciklopedio okupos la laŭlanda historio de nia movado. La komencaj paŝoj, la pioniroj, sinteno de la magistratoj, favoraj dekretoj, persekutoj, malpermesoj, uzo kaj utiligo de Esperanto, influo de politiko ktp. estos pritraktataj en tiuj ĉi artikoloj. 1500—1800 samideanoj ricevos apartan biografieton, laŭ la graveco de siaj agadoj. En la kadro de la internaciaj rilatoj de nia historio niaj kunlaborantoj verkos apartajn artikolojn pri la internaciaj organizoj, kongresoj, gazetoj, bibliotekoj ktp. Denove alia tereno estas la fakaj movadoj, rolo de la diversaj religioj, komerco, filatelio, poŝto, polico, fervojo ktp. Speciale interesaj estos la lingvaj artikoloj ; la redakcio klopodos, ke ili estu facile kompreneblaj. Ni akcentas, ke ĉiuj niaj verkistoj ricevos apartajn komentariojn.

Ĉiuj artikoloj estos konformaj al la originalaj, progresemaj kaj pacifismaj celadoj de Esperanto, sed tiu ĉi principo tute ne volas malhelpi la nepran objektivecon. Alia grava principo estas la fidindeco de ĉiuj detaloj, eĉ kontraŭ la ŝajninteresoj de Esperanto. La redakcio forlasos ĉian troigon, kritikas kaj kribras ĉiujn fontojn, forjetas ĉion, pri kies fidindeco ĝi havas dubojn. La stilo de la verko estos konciza, sed laŭeble interesa.

La Enciklopedio enhavos proks. 600 dense kompostitajn paĝojn, do la amplekso permesos al la redakcio vastajn eblecojn, kvankam ne permesos paroli pri ĉiuj detaletoj ; tio postulus kvaroblan, sesoblan amplekson. Sed la redakcio bone esploros ankaŭ la negravajn detaletojn kaj se ili estas karakterizaj aŭ interesaj, ili estos bone uzataj.

Belaj ilustraĵoj, tre multaj portretoj kaj interesaj grafikonoj ornamos la verkon ; ili okupas la kvinonon aŭ sesonon de la tuta amlekso. Niaj kliŝoj inde akompanos la tekston, ili amuzos kaj instruos la legantojn.

La verko deziras esti modelo por kolektiva kreado per la samideanoj el la tuta mondo. Pro tio la redaktoroj alvokas ĉiujn esperantistojn, interesiĝantajn pri tiu ĉi serioza laboro, bonvolu prezenti siajn opinion, ideojn, konsilojn, eĉ artikolojn al la redakcio. Ĉies opinio kaj ideo estos bone esplorataj por la intereso de la Enciklopedio. La redakcio respondas al ĉiu en aparta fako de Literatura Mondo.

Jen, ni konigis ĉion gravan pri la Enciklopedio el la vidpunkto de la redakcio. Se ni aldonas ankoraŭ, ke la eldono de tia verkego signifas la nepran fidon de la eldonejo — kalkulanta faktoro — pri la nestagna progreso de nia movado, ni rajte povas esperi, ke mem tiu ĉi grava entrepreno donos freŝan instigon al nia esperantista popolo.

*

*Poŝto de la Enciklopedio.* Ni petas niajn kunlaborantojn, bonvolu konstante legi nian poŝton, ĉar en letero ni repondos nur escepte. — *S-ino Isbrücker.* La amplekso por Pacifismo kaj E estas 1600 literoj ; limtempo por la ensendo 1. majo. Vian konsilon pri la nederlanda movado ni utiligos. — *J. Zauner.* Amplekso por Paneŭropo 1600 literoj, por USE 800 literoj ; limtempo 15. marto. Ni atendas viajn proponojn pri kelkaj kliŝetoj. En la artikolo pri USE menciu ankaŭ la diferencojn inter la P. kaj USE programoj. — *P. Teichner.* Polico kaj E ricevos 4500 literojn ; bonvolu proponi 2—3 taŭgajn ilustraĵojn. Templimo 15. apr. Diru la veron pri ĉiuj partoj de la E-ista agado inter la policistoj. Ĉu vi ne scias la adreson de s-ro Marich ? — *P. Bennemann.* S-ro Behrendt verkos la laŭhistorian artikolon pri la germana movado ; bonvolu sendi al li la manuskripton de Ŝ. — *D-ro Solzbacher.* Amplekso por la katolika movado estas 9000 literoj ; templimo 1. majo. Por via pli bona informiĝo ni sendis al vi la cirkulerojn pri la landaj movadoj. — *S-inoj Dresen.* Nova templimo 1. apr. Post nelonge ni sendos al vi nian novan cirkuleron kaj kelkajn modelojn de biografietoj. — *O. Svantesson.* Göteborg kaj aliaj s-anoj. Koran dankon por la kuraĝigo !

**Nia sekva numero aperos la 15-an de marto**

# VIZITOJ

JULIO BAGHY

Ĉiufoje, kiam mi transpaŝas la limon de lando, nekonata de mi, kaptas min deziro konatiĝi kun ĝia kulturo kaj kun unu aŭ du el ties kulturantoj. Ne sole la estimo al la naciaj kulturvaloroj, sed ankaŭ la scivolemo de la esperanta verkisto soifas en mi je novaj impresoj kaj je fremdaj opinioj pri nia lingvo kaj pri ĝia movado. Do, simpla reciprokeco estas la ĉefa motivo de mia ĝojo, kiam trafas min la granda honoro, ebliganta la okazon viziti kaj intervjui kolegojn kaj kolegnojn, kies nomojn laŭmerite famigas la amo de iu popolo kaj kies verkoj, kiel juvelgemoj, estas alte taksataj en la literaturo de nacio.

Mia ĝojo estas granda, sed ĝi ŝanĝiĝas je stranga timo, kiam mi ekiras al la renkonto. Ĉiupaŝe vekiĝas en mi duboj pri la rezulto de la vizito, kiam mi pensas pri tio, ke mi, taglaboristo de literaturo, kies lingvo — preskaŭ sendefende — estas elmetita al mokoj kaj indiferenteco de dubantoj, mi prenis kuraĝon por frapeti ĉe la pordo de verkistogigantoj, kies potenco baziĝas sur la preso kaj ĝenerala ŝato de tuta nacio.

Jes, jes, ni esperantistaj verkistoj estas timemaj, ĉar ofte ni havas dubon pri la ekzisto de nia legantaro, pri la vivanta konscio de la esperantistaro kaj estas momentoj en nia vivo, kiam nia laboro ŝajnas al ni *donkihota* batalo. Nia talento dissplitiĝas en cent farotaĵoj, diversspecaj kaj diversgravaj, kaj ni oferas nin sur la ŝtiparo, farita de ni mem, por allogi kaj inspiri per nia pereo novajn fortojn, novajn entuziasmajn, eĉ fanatikajn adeptojn. Ne pensu, ke tio ĉi estas riproĉa plendo. Se mi havus cent vivojn, ĉiujn cent mi volonte forbruligus sur tiu ŝtiparo, ĉar granda konsolo kaŝiĝas por mi en tio, ke mia plenumita tasko povos fariĝi ŝtupo por tiu, kiu venos post mi kaj ĉar mi estas konvinkita, ke nia vivanta lingvo iam havos vivantan popolon, kies kulturo alportos valoron por la homaro. Mi firme kredas, ke niaj alvenontaj literaturgigantoj havos famon, ŝaton, kies radikoj etendiĝos ĝis la kompreno de ĉiu popolo. Tial ne grave, ke nun timotremas la koro de niaj kulturlaboristoj antaŭ la pordo de la naciaj verkisto-gigantoj kaj pro modesteco ilia lango mallerte balbutas la intervjuajn demandojn . . .

Tiaj pensoj zigzagas en mia kapo, kiam kun samideano Talivaldo Indra mi proksimiĝas al la laborejo de *Janis Akuraters*. Ne sole lia nomo, sed ankaŭ kelkaj el liaj verkoj estas konataj de mi dank' al la esperantaj tradukistoj. Mi scias, ke li apartenas ne nur al la plej altŝatataj verkistoj de la latvoj, sed ankaŭ al la iam persekutitaj pioniroj de la latva nacia kulturo kaj liberecbatalo. La faktoj, ke li estis arestita de la iama rusa reĝimo kaj suferis jarojn for de sia patrolando, en kies nuntempa libera evoluo sama li havas altsignifan rolon, vekis en mi profundan respekton, kiu prave motivas mian kortremeton . . . kortremeton ĝis la reciproka manpremo. En tiu momento, kiam li rigardas al miaj okuloj kaj mia rigardo surprizite ripozas sur liaj bonkoraj trajtoj, mia kortremo ĉesas . . . Longan duonhoron ni interparoladas pri la moderna latva literaturo, pri la graveco de la teatroarto en la pasinteco kaj en la estanteco, pri lia verkista agado kaj iom post iom skiziĝas antaŭ mi bildo de vivo, plena de diligenta kaj inspirite plenumita laboro.

Dekvoluma poemaro, dekduo da teatraĵoj, aro da romanoj kaj rakontoj. Tre modeste li parolas pri sia agado, sed fariĝas multe pli elokventa en la konigo de siaj kolegoj. Li citas nomojn kaj per trafaj vortoj karakterizas iliajn signifon kaj gravecon el vidpunkto de la nacia kulturkreado. Li vekas en mi nekontentigeblan interesiĝon. Jes, nekontentigeblan, ĉar niaj latvaj gesamideanoj ankoraŭ ne riĉigis nian esp. literaturon per la eldono de Latva Antologio. Nu, sed ni esperu !

Mi mencias, ke en la esperanta lingvo mi konatiĝis kun noveloj liaj kaj poste mi parolas pri nia literaturo, pri la laboro de niaj verkistoj kaj tradukistoj. Kun videbla miro li atentas pri miaj vortoj. Lia mieno ĉiam pli sereniĝas kaj afable li dediĉas sian foton kun latvaj salutvortoj al Literatura Mondo. Ĉe la adiaŭaj momentoj mi demandas lian opinion pri Esperanto. Senpoze kaj senhezite li respondas. En la respondo reliefiĝas parteto de nobla animo, kiun la jaroj ne katenis al ŝtoniĝinta konservativismo. Jen liaj vortoj : »La nacioj bezonas kiel eble plej multe da rimedoj por la proksimiĝo kaj Esperanto estas unu el ili. Mi opinias, ke via laboro estas utila por la ĝenerala progreso de la homaro.«

Tallinn. Alia lando, alia ĉefurbo. Ne tiel brua, ne tiel moderna kiel Riga. Nuancon de mezepoka ĉarmo donas al ĝi la altaj turhavaj muroj, kiuj ĉirkaŭas la la antikvan parton de la urbo. Kurbaj stratoj kaj stratetoj. Mi admiras la lertecon de la aŭtobusŝoforoj. Jam pasis semajnoj, de kiam la unuan fojon mi vagadis tra tiuj ĉi stratoj, sed kiel la unuan fojon ankaŭ nun surprizas min la sento ; tiu ĉi urbo ne estas fremda por mi, la homoj ŝajnas al mi jam delonge konataj kaj ĉiupaŝe mi renkontas la intimecon de kutimita hejmo. Ĉu pro la lingva parenceco, konstatita de filologoj ? Tute ne ! Tiu parenceco por mi ne ekzistas, ĉar eĉ unu vorton mi ne komprenas el la ritmoriĉa parolo de la estonoj. La lingvo estas kaj restos por mi nekonata. De ie, el la fundo de la animo radias al mi tiu varmo, kiu stampas la veran paren-



ĉecon. Mia rigardo emociite karesas la helblondajn harojn de la infanoj, admiras la ĉielbluon de la okuloj, la gracion de la pintaj nazetoj, la sunan rideton de la lipoj, kiuj senvorte parolas pri senpeka petolemo. Atente mi rigardas al la vizaĝo de ĉiu stratpasanto kaj ĉiam la sama penso incitas mian fantazion : mi konas ŝin... mi konas lin... sed de kie? Ne grave! Mia koro pleniĝas je profunda simpatio kaj danko, ke for de mia propra hejmo mi trovis parencan neston...

... La matena prujno grincas sub niaj paŝoj. La suno jam pasas super la kapoj, sed la frosto ne lasas degeli la blankan saluton de la proksimiĝanta vintro. Hilda Dresen, mia ŝatata estona kolegino kaj mi rapidpaŝe klopodas ĝustatempe atingi la hejmon de *Arthur Adson* kaj *Marie Under*, geedzoj kun komunaj zorgoj en la vivo kaj du memstaraj, diversdirektaj steloj de la estona nacia literaturo. Ni parolas pri ilia afabla invito kaj ni konsentas pri pasigo de duonhoro ĉe ili, ĉar estas ne dece ĝeni longe la gesinjorojn. Finfine ili ne estas ja esperantistoj, eble ili eĉ ne simpatias al nia movado. Tiel mi ekscias, ke nia tre modesta Hilda Dresen, la plej fervora tradukanto kaj doninto de tuta poemkolekto de Marie Under al la esp. literaturo, ankoraŭ ne konas persone la poetinon. Jes, tiu esperanta-verkista kortremeto... Ni staras jam ĉe la pordo kaj sonorigas. Nur duonhoron!... Jes, nur duonhoron!

Sinjoro Adson malfermas la pordon de la antaŭĉambro kaj salutas nin kun tia vervo, kiu rememorigas al mi la flamkorajn sudlandanojn. Sinjorino Marie Under staras ĉe la sojlo de la salono kaj ŝia mano, etendita por sincera manpremo, ŝia dolĉe ridetanta mieno kaj ŝiaj afablaj vortoj tuj degeligas tiun prujnon, kiu surstrate gluiĝis sur nia koro... Nur por duonhoro... pardonu pro la ĝeno, sed... vere granda honoro por ni...! Nur tiaj frazeroj eliĝas el ni en la antaŭĉambro, kie niaj invitintoj klopodas helpi nin en la forigo de la surtutoj. Kompreneble ni ne lasas helpi al ni. Kaj post momento en la ĉarma intimeco de la salono komenciĝas konversacio, dum kiu la invititoj forgesas pri la ĵurita duonhoro... La temoj varias : kongreso de la Pen-Kluboj en Nederlando, naciaj literaturoj, rememoroj pri Budapest, vizitita de la famaj geedzoj, novaj tendencoj en la beletristiko,





MARIE UNDER

teatroarto, reciproka informiĝo pri finitaj kaj farataj laboroj.

Mi forgesas la celon de mia vizito, restas en mi la intervjuaj demandoj, nur tion mi sentas, ke renkontis sin homoj, en kies animo flagras parenca fajro kaj denove mire mi konstatas : mi konas ilin ambaŭ, mi konas ilin jam delonge, mia respekta amo al ili vivis en mi jam antaŭ la konatiĝo persona... Mi parolas kaj parolas. Interpreto apenaŭ estas necesa, ĉar ilia diverslingva scio faras la tradukon superflua... aŭ eble ne pro tio. Eble la vera kaŭzo troviĝas en tio, ke la rigardoj, la sentoriĉaj mienoj pli elokvente esprimas la sentojn kaj pensojn ol la diritaj vortoj...

Sinjoro Adson gastame malfermas botelon da Tokaj-a vino kaj la konversacio fariĝas pli intima kaj nia vizito pli ol *duhora*... Ni invitas ilin al baldaŭ okazonta esperanta festo, sinjoro Adson invitas nin al la unua prezentado de sia nova dramo »La kvar reĝoj«. Li verkas poemojn en sudestona dialekto, sed dum la lastaj jaroj li dediĉis sian talenton por verki historiajn dramojn. Unu el liaj plej populare ŝatataj dramoj temas pri la amikeco kaj amo de F. Kreutzwald, la unua estona poeto, al estona poetino L. Koidula. La teatraĵo profunde kaj inspirite surscenigas la misteron de animoj, amantaj kaj komprenantaj unu la alian malgraŭ la kvardekjara aĝodiferenco kaj la emocio, kiun la verko vekas en la publiko kaj la favora kritiko, kiu alte taksas la verkon, montras, ke sinjoro Adson estas majstro en sia arto...

Ĉu mi parolu pri Marie Under? Nenecese. Ŝia arto estas jam konata de la esperantistoj, kiuj legis kaj povas legi ŝiajn dolĉe melankoliajn poemojn en talentoplena interpretado de nia poetino Hilda Dresen. Mi nur bedaŭras, ke la puraniman rideton de la poetino oni povas reproduki nek perlitere, nek perfote ...

... Por esprimi sian simpation al Esperanto kaj al ĝia literatura organo ili afable dediĉis ĉi tiujn fotojn kaj perskribe sendis al mi la subajn liniojn por Literatura Mondo.

*»La uzado de Esperanto estas grava sur ĉiu kampo, kie du homoj, ne komprenantaj reciproke la*

# Kiel savis sin studento Grivenieks

— J. Akuraters —

IV. (Daŭrigo.)

Sinjorino Biruta Sala estis la homo, kiu multe estis ĝuinta de la arbo de scio. Ŝi estis la dorlotita filino de riĉaj gepatroj, kaj jam antaŭ la mondmilito ŝi ĉarmis sinjorojn de la plej alta socio en Riga, kiel fervora romantikulino kaj senseme varma naturo... Kiam la edzo kun sia fabriko forveturis Peterburgon, ŝi pasigis tie siajn tagojn malproksime de la terurajoj kaj zorgoj, dancante kun gvardiaj militestroj kaj laborante en bonfaraj organizajoj kaj Ruĝa Kruco. La freneza Kaŭkaza princo Miraŝvili instruis al ŝi la amarton en stilo de sudanoj, sed tio kostis al li multe, ĉar pro duelo, kies kaŭzo estis Biruta, li devis foriri al batalfronto. Fine kiam fondiĝis la virina regimento, la latva burĝa grandsinjorino iĝis flegistino kaj ne konis por si iajn ajn limigilojn. Ŝia edzo laboris en diversaj intendantaj organizajoj; la mono venis torente; sed la malgrandan Gundabon edukis ŝia patrino. La edzo estis kapabla komercisto, ŝatis hazardludojn, ĉasadon, diboĉojn, sed la edzinon kvazaŭ ne vidis kaj tio donis al ŝi kialon vivi sian propran vivon.

Nun post la mondmilito, kiam Biruta estis jam pli ol tridekjara, ŝi malŝparadis la kolektitajn milionojn por eksterlandaj vojaĝoj, amuzajoj kaj intimaj amikoj, kiujn ŝi havis en Riga multajn. Kiam ŝi ekvidis la plenan de naturaj fortoj, mildan kaj naivan Grivenieks, kun lia bela figuro, ŝi ĉion forgesis — ŝi volis akiri lin kaj akiris... Neniu, neniu povis kontraŭstari ŝiajn dezirojn. Ŝia fratino ne plu kuraĝis viziti gesinjorojn Sala.

»Ho, se vi scius,« ŝi flustris al la studento dum intimaj momentoj, — »ŝi ja estas kokainistino, ŝi venenus vin. Ĉiutage mi timas skandalon. Sed ĉe mi vi estas en sendanĝero. Mi scipovos defendi mian honoron kaj — amon. Vi ja amas min?«

Neatendante la respondon ŝi forprenis la vortojn de Grivenieks per kiso, en kiu, ŝajne, interplektiĝis ĉiuj voluptaj sorĉistinoj. Tio estis varmega trinkajo por la malvarmeta filo de kamparano. Li konfuziĝis, batalis kun si mem, la unuajn noktojn li pasigis sen dormo, kvazaŭ li estus farinta mortigon aŭ krimon, kiun ĉiuj ekscios kaj li devos suferi de hontiga puno. Li firme decidis diri al sinjorino Sala, ke sufiĉas, kaj li intencas foriri en sian solecon kaj malriĉecon, por reakiri sian liberecon. Li turmentiĝis kiel Raskoljnikov, pri kiu li multe pensis. Sed kiam en la oportuna momento eksusuris la silko de sinjorino Sala kaj varma spiro karesis liajn vangojn, manoj ĉirkaŭprenis liajn ŝultrojn, li silentis. En li ekflagris, kiel terura flamo, retenanta forto kaj al li ŝajnis, ke ĉi tiu diablino igas lin satano, kiu ne povas ekzisti sen pasioj kaj infera fajro.

Komence iliaj renkontiĝoj estis mallongaj, ĉar la tuta domo observis ilin. Sed ne vane sinjorino Sala lernis en la flirtlernejo de la Peterburga societo. Ŝi scipovis ĉion aranĝi sukcesoplene kaj kun takto kaj esti detenema kaj oficiala en societo, ke la studento povis nur miri.

»Amato, ĉu vi deziras, ke ni renkontiĝu morgaŭ post la teatra prezentado. Mi havas kialon kaj eblecon.«

Aŭ donante al li matengazeton, subite ŝi diris: »Jen la matengazetoj, sinjoro Grivenieks.« Kaj flustrante per ordona tono, kiel Megero, mallaŭte aldonis: »Je la dekunua horo!«

Tio signifis ĉion. Kaj li, obeema kaj senvola, venis je la fiksita tempo kaj sindoneme malfermis siajn manojn. Ŝia rigardo de Meduzo paralizis lian volon. El vivoplena kampara junulo li iĝis nervema, sentema urba dando, kiu aliformiĝis tiel, ke li ofte demandis sin: ĉu li vere estas Johano el bieno Grivas, tie el kamparoj de Vidzeme?

Lia vizaĝo paliĝis kaj malgrasiĝis. Li avide fumis kun sinjorino Biruta. Ofte li pasigis noktojn en korporacio kaj en drinkado, dezirante kvazaŭ forfuĝi de io aŭ forgesiĝi. Sed en la plej gaja momento li subite ekvidis la okulojn de sinjorino Biruta; ili konsternis kaj allogis lin; li ektremetis kaj eĉ ne respondis la alvokojn kaj demandojn de siaj amikoj.

Baldaŭ la amikoj ekrimarkis lian grandan aliformiĝon. Anstataŭ braveco kaj naivaj popolŝercoj, estis indiferenteco, meditemo...

»Aŭdu, vi estas enamiĝinta,« kriis iu ĉe lia orelo.

Grivenieks rigardis lin malvarme kaj vekiĝis.

»Stultulo!« li insultis kaj drinkis senĉese. Li volis ĉion forgesi.

Li nun povis vivi ekster la domo dum tutaj noktoj. Sinjorino Sala nur ekridetis. Ŝi sciis sian forton. Ŝi instruis al li novajn kaj novajn sorĉajojn kaj li sentis sin ĉiuhore pli firme ligita per ĝis nun nekonataj kaj nekompreneblaj tentoj. Eĉ tage, aŭskultante

---

*gepatrajn lingvojn, komencas interŝanĝi siajn pensojn senpere aŭ par distance (lastokaze ne estas necesaj eĉ du homoj, se unu el ili estas libro).*

*Pere de Esperanto senteble pliproduktivigus sian laboron kaj aferĝvidadon la Ligo de Nacioj, ĉiuj kongresoj kaj konferencoj de politikistoj, sciencistoj, verkistoj, profesiuloj kaj ĉiuj fakuloj.*

*Esperanto kiel lingvo de turistoj kaj vojaĝantoj pruvas siajn gravecon kaj utilecon ĉiuhore, sur ĉiu kilometro, ĉe ĉiu paŝo.*

*Pere de Esperanto — kies internacia influo kaj disvastiĝo iĝas egalaj al tiuj de la mezepoka latina lingvo kaj kiu pro siaj facileco kaj demokrateco estas superonta ĝin — ekhavas spiritajn interrilatojn la anoj de plej malproksimaj popoloj. Oni nur traduku, ekz. laponan fabelon aŭ laponan sopirkanton kaj la indiĝeno de Java, parolanta la saman lingvon, tuj ekhavas kontakton kun sia ĉepolusa frato.*

*Esperanto estas preta servi al ĉiuj popoloj de la mondo kaj ĝi transpaŝas ĉiujn doganmurojn.*

*Okaze de tia Pan-monda laboro estu salutata Literatura Mondo!*

*Arthur Adson«.*

*»La plej bona pruvo pri la graveco de Esperanto estas la malnova rakonto pri la malsukceso de la konstruado de la Babela turo. Se tiutempe estus reginta komuna lingvo, ne estus estiĝinta malpaco de lingvoj kaj malpaco de ideoj, sed pro la interkompreniĝo la turo estus finkonstruita kaj — la mondhistorio eble estus tute alia.*

*Miaj personaj spertoj pri la utileco de Esperanto estas konataj al ĉiuj legantoj de Literatura Mondo: pro ĉio, kio el miaj verkoj estas tradukita Esperanten, mi ŝuldas dankon al la esperantistoj.*

*Marie Under«.*

lecionojn, li sentis, ke en lian vizaĝon fluas fortaj esencoj de la sinjorina vesto, kaj kiel drinkulo dum ĝuado, li malfermis la okulojn.

Kiam proksimiĝis printempo, li preskaŭ forgesis la vojon al la universitato. Li forgesis, ke li devas fari ekzamenojn. Gis nun li ilin faris laŭdinde. Nur lia vesto nun estis nova kaj pli luksa ; en poŝtuko bonodoris odekolono ; li iris revante ; en liaj okuloj estis facila laceco kaj sopiro. Li plu ne hontis ; li sciis, ke li estas kultura homo, maturiĝinta kaj prudenta. Sed kun teruro li ankaŭ sentis, ke li iĝis senvola, ke nerompeblaj ligiloj sufokas lin, ke lia volo estas venenita per ia ebriiga dolĉeco kaj kuŝas en li, kiel Samsono en malliberejo, kun elpikitaj okuloj.

En tiaj momentoj li kuris tra bulvardoj kvazaŭ volante forfuĝi de io, sed li trankviliĝis nur kiam li ekvidis la belan kaj allogan figuron de sinjorino Sala kaj sentis ŝin kiel opion, al kiu li revenis kun tremanta koro, plivastigitaj naztruoj, avide enspirante ĝin kaj dronante en ĝia ebriigo.

Sur la skribotablo jam kuŝis du leteroj de Viktoria kaj kelkaj de la fratino. Al ili li ne respondis. Li ne havis plu pri kio skribi. Al li ĉio iĝis fremda. Kune kun tio li iĝis pli sola kaj pli silentema. Lia vivoplena spirito ekvelkis.

Sinjorino Sala havis kaŭzon ĉiam teni la studenton bonhumora kaj tuj rimarkis lian novan animstaton.

»Kio okazis al vi ? Kial ?«

Grivenieks rigardis ŝiajn lipojn, sed ne ekridetis, kiel dum la unuaj tagoj.

»Tion ni devas ĉesigi. . .«

»Kion ?«

»Ĉion,« li firme diris. »Ni devas hipokriti, mensogi, trompi. Tion mi ne plu povas toleri. Kio okazos al ni finfine ? Oni iam ĉion malkovros. . .«

La sinjorino nur ekridetis. Malkovro por ŝi estis nenio. Momento — ĉio. Sed ŝi baldaŭ sciis kion fari.

»Bone, ankaŭ mi sopiras pli grandan liberecon. Ĉu vi volas, ke ni forveturu ?«

»Kien ?«

»Jes, suden. La kuracisto konsilos al Gundabo kuracon en alia klimato. Mi, kompreneble, akompanos lin, kaj vi veturos kiel instruisto. . . Ni estos liberaj, ni ne havos ian ajn gardiston. Ho, vidu, mia amato, mi ĉion povas fari por vi. Kion vi ankoraŭ volas ?«

Grivenieks kun teruro pensis pri tia eblajo, kiam



A. Ozenfant (el 1925) (Deformado kaj konstruado)



P. Cézanne, (Deformado)

li estos fordonita al ĉi tiu diablino kaj eĉ unu momenton ne povos esti libera.

»Ne, ne,« li seke respondis.

»Jes, jes, amato — ni estos liberaj,« ŝi flustris, spirante per sia volupta buŝo en lian vizaĝon, kaj la juna filo de vilaĝano kvazaŭ ebriiĝis, sentante sian malforton. Li volis forkuri, leviĝi, forpuŝi ŝin, sed la neforigebla narkotaĵo ebriigis lin kiel ĉiam.

Renkonsciiĝinte li sentis en si silentan timon kaj sopiron. Ŝajnis, ke devas okazi io neevitebla, kiu ruinigos lian verdan vivorevon kiel nigra tempesto.

Sed sinjorino Biruta ĉiutage ondiĝis antaŭ li, kiel plena kaliko, en kiu estas kunmiksita morto kaj vivo. Ŝi floris pli bele ol iam ajn, car ŝi havis nur unu celon kaj unu revon — amon kaj pasion. Kaj kiam en la manĝoĉambron, kie ĉiuj jam atendis ŝin, ŝi venis susurante per silko kaj ebriigante per siaj esencoj, per sia elasta korpo kaj stranga ardo sur plenaj lipoj, studento Grivenieks, nerigardante ŝin, sentis ŝian nevenkeblan forton, paliĝis, mallevis malrapide la kapon kaj interrompis la paroladon kun siaj kunuloj. Meduzo, diablino, Venero — ĉio estis en ŝi kune. . . kaj ankaŭ venena serpento. Ofte, estante sola, aŭ promenante sur stratoj, Grivenieks estis fiera kaj libera, kaj decidis foriri por montri sian forton. Sed ĉio malaperis en la ĉeesto de sinjorino Sala. Kiel bone estus, pensis li, se ankoraŭ estus monaĥejo, kien li povus rifuĝi. Sed monaĥejo ne estis, nur li mem iĝis monaĥo, kiu kantis himnojn kaj oferis sin kontraŭ sia volo, kiel sklavo al alloga hetajro. Riga donis al li sian mortotrinkujon, dolĉan kaj fortan.

V.

Sinjorino Sala ne forveturis eksterlanden, ĉar alvenis la printempo kaj baldaŭ la somero. La lernejojn oni fermis, kaj gesinjoroj Sala transloĝiĝis al marborda somerloĝejo, kie ĉio estis preparita por somera vivo. Ĝi estis blanka kastelo en la plej bela loko kun floranta ĝardeno kaj zumantaj altaj pinoj. Transloĝiĝis nur la sinjorino, Gundabo kaj la instruisto. Sinjoro Sala, kiel kutime ĉiuj, kiuj estas okupitaj per financaj operacioj, restis en Riga, alveturante nur sabate por pasigi la dimanĉojn ĉe la maro.

Nun ili estis pli solaj kaj la sinjorino ne hezitis eluzi ĉi tiun cirkonstancon. Ŝi ne plu rekonis iajn ajn fimigilojn kaj eĉ spitis al ĉiuj, kiuj ion rimarkis.

Aŭdante la potencan zumadon de pinoj kaj bruegon de la maro dum ventotagoj, Grivenieks rememoris la betularbarojn sur la montetoj de Vidzeme kaj sopiroj ekregis lin. Kiaj belaj nuboj tie kuŝis en

ĉiellazuro kaj kiel floris akvolilioj en la lago, kiel zumadis kanoj. Io sankta kaj nobla plenigis lian animon kaj li volis foriri. Sed io per ordonema mano retenis lin. Kio okazis al li, kio ligis lin? Ĉu li estis malsana? Tiajn demandojn li ofte ricevadis el sia hejmo. Sed li, kiel grandulo, kuŝis, ensorĉita de malbona diino, sur fremda insulo kaj ne aŭdis eĉ siajn korbatojn.

Sed venis iu nokto, kiam li rigardis ĝis la profundo de la nigra abismo kaj komprenis, ke al li minacas — morto. Li ekvidis la abismon. Estis jam julio. Tilioj ekfloris. Irante hazarde sur bulvardo en Riga, kien, akompaninte sinjorinon Sala, li estis alveturinta, li komprenis la malproksiman sorĉecon de florantaj arboj kaj iĝis maltrankvila. Io vekiĝis en li, kiel foje dum jaro vekiĝas ĉiu floro, kiu serĉas la sunon.

Okazis festeno, kaj alveturis en la somerloĝejon ankaŭ sinjoro Sala kun sia amiko kaj kelkaj sinjorinoj. La nokto pasis gaje. Vino brilis de la palaj fajroj de lampoj, sed ekstere verdeta matenruĝo kuŝis super pinoj kaj maro.

Estis kantoj kaj dancoj, ŝercoj kaj dusencaĵoj. Sinjoro Sala sidis rigardante siajn kunulojn per glaciaj okuloj kaj rakontis sensencajn anekdotojn. La sinjorino sidis inter Grivenieks kaj li kaj ofte ŝi frapadis sian vinglason al la iliaj. Ŝia rigardo, plena de ebrio kaj pasio, diris al la studento ĉion jam konatan. Ĉio estis en stranga ebriiĝo. Sed la koro de Grivenieks akre doloris. Li restis sobra, kvankam la vino estis dolĉa.

Kaj kiam en frumatena horo la gastoj foriris, li direktis sin al sia ĉambro. En ĉi tiu nokto li estos sola... Silento ĉirkaŭis la somerloĝejon; li jam ekdormis, kiam io tuŝis lian ŝultron. Ĝi estis sinjorino Sala... Kun liberaj haroj kaj brusto, malseketa buŝo ŝi sidis sur la litrando. Ŝi aspektis en la matenruĝo kiel fantomo.

»Kion vi volas?« li demandis timigite. »Foriru, foriru, malprudentulino!«

»Mia loko estas ĉi tie. Mi volas esti ĉi tie,« ŝi diris kaj klinis sin al la studento.

»Sed kompatu! Tio estas frenezo! Via edzo...«

»Mia edzo... Li tute ne ekzistas por mi. Kian aferon mi havas kun ĉi tiu ebria senenergiulo.. Ĉu vi timas lin? Pri tio mi volis ĵus paroli. Diru nur unu vorton kaj li plu ne...

»Kio? Kiu ne plu...? Kion vi parolas?«

»Li ne estos. Tio estas mia afero. Kaj ni foje povos senĝene vivi.«

»Kion signifas ĉi tio?«

Li saltis el la lito kaj sentis sur sia frunto malvarman ŝviton. Ĉu ŝi parolis en ebrio?

»Trankviliĝu, vi, granda infano! Mi opinias, ke sinjoro Sala povas ankaŭ ne revekiĝi. Li ofte dormas eĉ sur sia ŝtuparo en Riga, revenante hejmen. Same kiel veturigisto. Li povas ankaŭ ne vekiĝi, — tio estas ĉio...«

Ŝi rigardis per sia profunda verdeta rigardo, en kiu ŝajnis ardi inferfajro. Sed la nuda ŝultro kaj brusto elspiradis varmegan vivardon. Ŝajnis, ke ŝia tuta korpo estas volvita en fajro. Diablino — li rememoris malnovajn fabelojn kaj stranga timo ekregis lian animon. Li forte forpuŝis ŝiajn manojn kaj sentis, ke li mem tremas.

»Ne timu, amato,«-ŝi jam parolis tute familiare. »Vi nenion devas fari. Pri tio zorgos mi. Nun li dormas tiel, ke la horoj apartenas al ni... Sed kelkaj pluaj gutoj kaj li ne plu leviĝos. Kiel mi malamas lin, dum vi estas ĉi tie... Vidu... Malgranda porcio, sed certa. De tio dependas tuta nia vivo...«

Ŝi nun tenis en la mano malgrandan boteleton plenan de flaveta fluidaĵo. Ŝi aspektis kiel lady Makbet, kiu ĉiujn siajn pasiojn oferas al sia idolo. Al Grivenieks ŝajnis, ke li vidas fantomon. Sonĝo, nenio pli! Li frotis sian vizaĝon per mano, sed ne povis vekiĝi.

»Al mi ne plaĉas amo sen danĝero. Ĝi bezonas maldolĉecon... morton... Kaj sciu: — sekretoj plej-forte unuigas la homojn. Tial silentu kaj amu min.. Ne, neniu havu la kuraĝon stari inter ni! Tiu devas morti. Diru, ĉu vi volas, ke li mortu? Diru! Kaj ne timu. Neniu kaj neniam ekscios tion... Ni forveturos. Ni ne pensu pri vivozorgoj... Kaj krom tio — ni taŭgas unu por la alia. Mi ne forlasos vin...«

Ŝi flustris kvazaŭ ion prisorĉante. El malproksima ĉambro en la alia fino de la koridoro venis ronkado de sinjoro Sala. Fantomhoro! Al Grivenieks ŝajnis, ke io sufokas lin kaj premas lian spiron.

»Foriru, foriru,« li flustris ordone, prenis la sinjorinon ĉirkaŭ la ŝultroj kaj puŝis el la ĉambro.



L. Marcoussis (el 1911)
(Deformado kaj konstruado)



H. Matisse, (Deformado)

»Foriru! Hodiaŭ MI ordonas al vi! Ni parolu morgaŭ!«

»Diru nur unu vorton kaj ĉio estos kiel vi volas,« diris ŝi serĉante lin por kisi.

»Foriru!« li jam premis ŝiajn ŝultrojn kvazaŭ per premiloj kaj malĝentile elpuŝis ŝin el la ĉambro. Ŝi foriris facile balanciĝante kiel fantomo tra la koridoro — preskaŭ sen vesto kaj ĉiam ion flustris. La studento rapide ŝlosis sian pordon.

Io kuŝis sur la planko ĉe liaj piedoj. La ruĝa silka ŝalo, kiu estis ĉirkaŭ ŝiaj ŝultroj, estis glitinta sur la plankon... En duonlumo ĝi aspektis kiel sangomakulo. Mistika timo kaptis la studenton — li ja ne estis superstiĉa, tamen ŝajnis ke iu jam estas mortigita kaj la tuta domo estas plena de sango kaj mortaero. Li malfermis fenestron kaj kun ĝuo enspiris la pinodoron. La maro murmuris kvazaŭ ion rakontante. Ho, Dio! Eble morgaŭ li jam estos kunkulpa en la mortigo. Krimulo, malliberulo!

»Dank' al Dio! Li ankoraŭ estas viva! For el ĉi tiu infero, kie ĉi tiu diablino lin enŝlosis. Li ja estas libera, juna, sendependa! For, nur for!

Li kunvolvaĉis la ŝalon kaj forĵetis ĝin malproksimen en la ĝardeno, kie ĝi restis pendanta sur arbusto kiel brulanta timigilo. Post tio Grivenieks rapide vestis sin. En lia brusto aperis stranga ĝojo, ke li ankoraŭ povas moviĝi kaj vivi. La mantelon li metis sur la manon kaj prenis la malnovan bastonon. Post kelkaj minutoj li jam estis apud la maro. Palruĝaj kaj helaj kiel stano, kuŝis la vastaj akvoj. Freŝa malvarmo venis de la bordo. La ebriiĝo estis for kaj la koro ĝojis. For, nur for. Li rigardis post sin. Neniu sekvis.

Li iris kaj rapidiĝis nesciante kien. Sed ŝajnis, ke ĉio estis nur terura sonĝo kaj nun li vekiĝis. Li iris multajn horojn kaj finfine trovis sin sola sur marbordo apud maldensaj fiŝkaptistaj domoj. La suno staris jam alte, sed li ne atentis la tempon... Jes, nun li estis libera kaj resanigita. Kia feliĉo! Kaj kvazaŭ respondante al malproksima voko, li gaje kriis: jes, jes, mi iras! Per la unua marborda trajno li veturis al Riga.

Estis ankoraŭ frua mateno, kiam Grivenieks eniris sian ĉambron ĉe gesinjoroj Sala. Lin enlasis la maljuna servistino, kiu gardis la domon somere. Stranga timo denove ĉirkaŭprenis la fortan filon de kamparano, kiam li iris tra la ĉambroj. Li havis tian senton, ke tie post la kurtenoj aperos sinjorino Sala por ebriigi lin per siaj esencoj, manoj kaj pasioj, kiel per peza mortigilo.

Dum kelkaj minutoj estis kolektitaj la libroj kaj la malnova ĉemodano. Li fuĝis kiel krimulo liberiĝinta el malliberejo kaj en malfrua posttagmezo vekiĝis en la malnova kampara stacio inter montetoj de Vidzeme... Li estis hejme.

## VI.

Grivenieks restigis siajn sakojn en la stacidomo kaj ekiris sur la kampara vojo. La suno malleviĝis ruĝa kaj varma de taga irado. La spiro de kampoj ĉirkaŭprenis lin per sia freŝa aromo, kampoj, pinoj, betuloj kaj arbaretoj. Ĉe la suda horizonto kolektiĝis densa nebularo kaj strietendiĝis super la kampoj kiel potencaj anĝeloflugiloj, kiujn orumis rebrilo de vesperruĝo. Dolĉa trankvilo kaj herbeja aromo ĉirkaŭprenis lin. Estis tre facile iri la silentan vojon, kiu nerimarkite leviĝis supren sur la montoj super silentaj domoj. Kiaj maturiĝintaj kampoj, herboplenaj herbejoj! Jam de longe Grivenieks ĉi tie ne promenis. La koro brulis en stranga mildeco, sed la animon ombris, kvazaŭ nigraj nuboj, la tuta travivaĵo.



A. Modigliani (Deformado)

Estis sabatvespero. De herbejoj veturis laboristoj... Knabinoj venis kun rastiloj sur ŝultroj kaj kantis; fraŭloj portis falĉilojn. Trifoliamasoj freŝe kunmetitaj hejmece leviĝis sur kampoj; sur herbejoj bonodoris falĉita fojno. De malproksime milde fluis bruoj. La bojado de hundoj venis kvazaŭ el lagoprofundejo; henis ĉevaloj post la monteto; malproksime knaris veturiloj. Ĉe la horizonto rebrilis fulmo; ie estis somera fulmotondro. Sur montetoj leviĝis verdbluaj siluetoj de kverkoj kaj silente staris betularbaretoj odorante per siaj molaj ombroj. Al Grivenieks ŝajnis, ke li revenas hejmen de malproksima mondvojaĝo, plena de ĉagreno kaj granda ĝojo samtempe. La koro fandiĝis de mildeco, kiam li pensis pri renkontiĝo kun siaj gepatroj kaj fratino.

Li iris malrapide, enspirante kampodoron. La suno estis subirinta. Tra kampoj malrapide iris varma somera nokto. Kiam li atingis la hejmon, estis jam profunda nokto. Liajn paŝojn ekaŭdis Paŝao, la hejma hundo, kaj laŭte bojante kuris renkonte al li, saltante ĝis la brusto de Grivenieks. El la domo eliris blanka figuro — Elinjo.

»Bonan vesperon!« Grivenieks deprenis sian ĉapon.

»Johano, Johano! Panjo, Johano estas hejme!« ŝi ekkriis kaj ĉirkaŭprenis lian kolon.

La studento sidiĝis sur la malgranda balkono ĝardenflanke. Ĉirkaŭ li estis floroj kaj bonodoro. En la pomujoj jam pendis maturaj pomoj. En la stalo estis aŭdeble, ke ĝemas kuŝantaj bovinoj maĉante.

La patrino venis el la ĉambro por saluti la neatenditan gaston. Ŝi estis dormanta kaj tial vestis sin facile. La patro ne estis hejme.

Oni eĉ ne sciis kiel akcepti lin. Sed la studento petis ilin, ne maltrankviliĝi.

Li sidiĝis sur la ŝtona ŝtuparo de la balkoneto.

# Poemoj*

— Gustaf Fröding —

## Gazelo

La mondon mi rigardas tra la krado.
Ne povas mi, ne volas for de l' krado.
La vivo bolas — kia bela vido!
Kaj ĵetas ondojn supren al la krado.
Alloge kaj dolore-ĝoje rido
kaj kantoj sonas al mi tra la krado.

Folioj brilas de printempa viv',
malhelaj staras pinoj sur dekliv',
odoro freŝa venas tra la krado.
Kaj sur la golfo, kia brilotrem',
en ĉiu guto estas bela gem'.
Aspektas grandioze tra la krado.

Jen svarmas are ŝipoj kaj velantoj
kun kornmuziko kaj kun gajaj kantoj,
al mont' kaj valo homoj migras for
por gaja festo en printempa glor'.
Mi volas, devas for de tie ĉi,
potence vivo vokas min kaj mi

ne volas sufokiĝi post la krado.
Sed vane frapos mi kaj vane skuos.
La malnovegan, senkompatan kradon
neniam, ho neniam mi detruos.
Fiksita estas en mi mem la krado.
Rompiĝos sole kun mi mem la krado.

## La mondo

Maron movis uragan'.
Griza ondaro ruliĝis sen ĉes'.
»Homon forŝiris la mar', kapitan!«
Ĉu jes?

»Vi povas lin savi ankor', kapitan'.«
Maron movis uragan'.
»Ŝnuregon ni ĵetos ankor' kun sukces'.«
Ĉu jes?

Griza ondaro ruliĝis sen ĉes'.
»Li dronas — nun estas li for, kapitan.«
Ĉu jes?
Maron movis uragan'.

*El: *Frödings samlade skriften* (Verkaro de Fröding). Eldono: alb Bonniers förlag. Kun la afabla permeso de la eldonejo.

## Vintra kanteto

Malĝojas, malĝojas, malĝojas la kor',
pro frosto tremas steloj en nokta, nigra hor',
la mond' estas frost' kaj malĝojo.
La homoj jen luktadas en blanka neĝo-mar',
kaj falos, frostmortos sur voj' la migrular'.
Ho, kien vi kaj kien tiu vojo?

Kaj ili vidas lumon en malproksima lok',
rapide ili kuras al la silenta vok'
por trovi bonamikojn en domoj
kaj batas ĉiun teren dum la konkura bru',
kaj endormiĝas poste kaj ne vekiĝos plu.
Ne estu senkompataj, ho homoj!

## Priarta teorio

Mi pentradas, donna Bianka,
tiel, ĉar ĝi plaĉas plej al mi.
Je demando, donna Bianka,
diru: »Tio plaĉas plej al li.«

Kaj pedanto Salamanka
certe diras: Mankas pentra bril',
mankas skolo, donna Bianka,
en la art' de Juan, mankas stil'.

Kun hezito flank-al-flanka
en la viv' li ĉiam vagas for,
ĉiun tempon, donna Bianka
same ŝatas la senhejma kor'.

Vivo sana, sano manka
lum', mallumo, rido, plora ĝem'
tute same, donna Bianka
ĝojon donas al pentrista em'.

Realism' kaj romantiko blanka
estas ambaŭ en artaĵ' de li.
Unuecon, donna Bianka,
tie senrezulte serĉus ni.

Al pedanto diru, donna Bianka
ke tiele plaĉas plej al mi,
Estas ĉe pedant' kompreno manka
por gracia arabesklini'.

El la sveda: *Stellan Engholm.*

---

La fratino metis antaŭ lin malgrandan benketon, kiun ŝi kovris per blanka lintuko. Post tio ŝi alportis bakaĵojn kun butero kaj kazeo kaj kruĉon kun dolĉa, ankoraŭ varma lakto.

Li manĝis kaj rakontis kaj demandis. La profunda silento aŭskultis. Kelkfoje malproksimaj fulmoj lumigadis la horizonton. Malgrandaj bufoj saltadis preter la balkono sur ĝardenvojetoj kaj kvazaŭ kun miro rigardadis, kiel manĝas la studento.

»Estos pluvo,« diris la patrino, — »jen, saltadas bufoj!«

»Preparu nun, Elinjo, liton por Johano en la ĉambro,« diris la patrino.

Sed aŭdante, ke sur la grenejo estas freŝa trifolio, Johane deziris tie dormi.

Li lavis sin kaj prenis de Elinjo kusenon, blankan lintolon kaj diverskoloran tukon por kovri sin kaj surrampis tra la malfermita pordo. En la trifolio estis odoro de suno kaj floroj. Silento milda kaj profunda kiel la eterneco, kovris la kampojn, kaj ankaŭ la studenton, kaj li ekdormis en profunda dolĉa dormo, kian li neniam estis ĝuinta en Riga post orgioj kaj diversaj pekoj.

Sed frumatene ŝajnis, ke Elio mem veturas per fajroveturilo. La tempesto disĵetadis blankajn fajrojn kaj pluvego falis torente, refreŝigante soifantajn kampojn. Al Grivenieks ŝajnis, ke la fulmo persekutas la pasian diablinon, kiu en formo de sinjorino Sala ensorĉis lian animon... Ne, ŝi ne plu estis. Ŝi ne povis loĝi en la regno de naturo, fulmo kaj kampoj. Ĉar

# Poemoj

— *Alessandro Mazzolini* —

## Nokta sunhorloĝo

Dormis graf' dum tempo multa,
nun pri l' horo li scivolis,
kaj al la servisto stulta
li parolis :

»Sur la sunhorloĝo doma,
Sam, rigardu do, kioma ?«

»Grafa moŝto — Sam rediris —
mi ĝin vane okulumas,
ĉar la suno jam subiris
kaj mallumas.«

»Ho, vi, vera bruto kampa,
Vidu ĝin ĉe lumo lampa !

## Fino de avarulo

Jen lasta hor' de l' avarul' malpia.
La pastro diras al li dum prezento
de peza krucifikso el arĝento :
»Rigardu tion ĉi ! Jen savo via !

Grandega estas la boneco Dia !
Plenigu vian koron do la sento
de la sincera, pura, vera pento,
»Spes mea, Christe« diru ! La alia,

latinan lingvon tute ne sciante
pripensas : »Krist' ? Spesmilo ? La rilaton
mi ne komprenas.« Sed, ĉar li konstante

cerbumas pri l' profito kaj utilo,
li diras : »Havas la arĝent' rabaton,
do kontentiĝu per duonspesmilo«.

---

tie regis nur Dio, suno kaj trankvilo.

Konvinkiĝinte, ke li vere estas en sia hejmo kaj ne apud sinjorino Sala, li denove profunde kaj dolĉe endormis kaj vekiĝis nur kiam la somera suno forte ardis super la kampoj.

En antaŭtagmeza dimanĉa silento, vento zumadis en la ĝardenarboj. Grivenieks ekaŭdis voĉojn en la korto malsupre.

»Viktoria, Viktoria, Johano alveturis !« vokis Elinjo al la gastino en la korto. Ceterajn vortojn li ne aŭdis, sed sentis, ke li ruĝiĝas, nekomprenante kial. Ree ili parolis pri li.

»Tie supre, en la nova trifolio ! Rigardu kion li tie faras. Estas la tempo por leviĝi. Iru kaj tiru lin je la piedoj por ke li vekiĝu. Certe, li estas lerninta en Riga longe dormi,« daŭrigis denove la fratino. Klara voĉo respondis kaj mallaŭte ekkrakis la ŝtuparo. Li tuta ektremis, sed en sekvanta momento en la vaste malfermita pordo aperis Viktoria, hela, brilanta kaj ridetanta, iom hontema, sed plena de ĝojo. Al la studento ŝajnis, ke li reviviĝas, kaj Viktoria forigas ŝtonon de lia tombo. La koro ekĝojegis, kiel liberigita torento.

Dum momento ekbrilis la penso, ke ĉi tio jam foje okazis. Eble li estis Peer Gint el fabelo, aŭ iu alia, katenita per inferaj sorĉaĵoj, kaj tie venis la suno... Ĉu ŝi estis Solvejg aŭ Laimdota*) aŭ princino el »Mil kaj unu noktoj« ? Ne, ŝi estis io pli grava. Neniam kaj nenie tio ripetiĝos. La kampo kaj arbarprincino de Vidzeme kun sunkrono sur la kapo kaj kun okuloj de Dia lago.

»Bonan matenon !« ŝi laŭte diris kaj donis la manon. Kiel bela ŝi nun estis. La studento ekflamis de ĝojo.

»Viktoria, bonan matenon, bonan matenon !« li respondis kaj kovris la okulojn per la mano. Lin sufokis ĝojo, ĉagreno, feliĉo.

Ŝi sidiĝis en trifolio tute proksime de Grivenieks kaj ekrigardis lin hontema ridetante. Ŝiaj piedoj estis nudaj, kaj ŝi portis facilan somerveston. En la brunete-flava vizaĝo ridis lipoj kiel rozkolora mateno. Kaj la delikata odoro de virina korpo, sen esencoj, ebriigis la studenton, kiel en sonĝo. Kia odoro ! Kiel dolĉa devas esti la trinkaĵo, se la kaliko tiel bonodoras. Kaj la unuan fojon li ekkomprenis la sorĉaĵon de virina korpo, — la sorĉaĵon, — kiun li neniam estis sentinta kaj kompreninta en la ebriigaj esencoj kaj pasiaj manoj.

Ŝia brusto timeme ondiĝis sub la facila vesto, kiam ŝia malmola kaj malgranda mano tuŝis la manplaton de la studento salutante...

Ilia interparolado estis malkuraĝa, bela kaj delikata kaj, kisinte ŝiajn malvarmetajn lipojn, en kiuj estis multe da juna kaj varma forto, Grivenieks prenis la knabinon en la sinon, atenteme, kvazaŭ ŝi estus lia propra vivo.

»Viktoria, Viktoria, kial mi alveturis ? Por preni vin kun mi ! Mi forveturos nur kun vi, aŭ neniam plu. Post du jaroj mi finos la kurson kaj tiam ni loĝos nur ĉi tie. Neniaj diablinoj kuraĝos sekvi nin.«

»Estu pli silenta, Johano, oni tie povas nin aŭdi,« ŝi flustre diris kaj premis sin al Grivenieks.

»Aŭdu ĉiuj ! Nun mi scias, kion mi bezonas,« kaj li metis sian nigretan belan kapon en ŝian sinon, en la sinon de l' savantino kaj de l' eterna virineco ...

Ili sidis nun en la malfermita pordo, unu apud la alia. De sur la monto estis videbla la vasta kamparo kun nigre-verdaj betularboj kaj domoj. El la korto, vento portis odoron de florantaj tilioj : kriis birdoj en laŭta gojo kaj bluis la cielo, ornamita de tempesto. Kreskantaj, altaj kaj bluaj nuboj naĝis potence en la vasta ĉiellago, facile, kiel pensoj de Johano Grivenieks...

Li firme tenis la manon de Viktoria, ĉar delasi ĝin ŝajnis al li droni denove en la inferon...

Hirundoj sidis en vico sur la gruo de la puto kaj pepis facilan somerkanton.

Kiel bone estas ekkomenci sian vivon denove, pensis Grivenieks, aŭskultante la varman kaj facilan spiradon de Viktoria kaj la ĝojan ritmon de ŝia koro.

(Fino) *El la latva, kun aŭtora permeso :*
***A. L. Goba***

* *Laimdota* : heroino de latva poemo.

# La sortotragedio de Florian

— *Francisko Szilágyi* —

I.

La sortotragedio de Florian estas tre melankolia historio... Sed eble vi ne konas mian amikon?

Florian estas unu el la plej simpatiaj buboj; nu li iomete forlasis jam la bubjarojn, sed li estis mia kunulo en la lernejo kaj... tiuj kelkaj jaroj vere ne gravas, ni estas kaj estos ĉiam junaj, ĉu ne Florian? Sed Florian, tiu ĉi ĉarma rondvizaĝa idealo de la filistroj hodiaŭ estas okulfrape melankolia. Mi ankoraŭ ne diris, ke Florian antaŭ kelkaj jaroj edziĝis kaj de tiam li malaperis el nia amika rondo, kiun de tago al tago pli malgrandigis la ĝenerala krizo, la maldungiĝo de kelkaj, la zorgoj, la edziĝoj kaj aliaj malbonoj, pri kiuj nun mi ne volas paroli. Kial? Ĉar antaŭ mi staras la malfeliĉa Florian kaj lia malfeliĉo povas forgesigi ĉion alian. Lia afero tute ne estas bagatela! Ne, li ne perdis sian bonan postenon, li havas rilatan trankvilon en la financaj aferoj, sed...

II.

... sed Florian, ne ploru... parolu, kio okazis al vi? Ĉu via edzino estas malsana? Sed ne ploru! Ĉu ŝi mo...

— Bovo vi estas — respondis Florian kaj mi ĝojis pro la trankviliga respondo.

— Parolu, parolu, Florian! — mi instigis la amikon.

— Do, mi parolos kaj vi povos vidi, ke ne nur la antikva vivo produktis sortotragediojn. Mia tragedio estas la plej funebra atenco de la subaj aŭ supraj potencoj kontraŭ senkulpa homo. Sophokles ne havis fantazion prisonĝi ion similan kaj Aischylos....

— ... ploregus, se li aŭdus vian tragedion.

— Jes! — diris Florian.

— Florian, parolu, ne murdu min per viaj longaj paŭzoj. Ĉu vi estas eble sekreta, moderna dramverkisto? Mia kara, parolu do!

III.

— Ĉu vi scias, ke mia edzino forlasis mian domon?

— Terure! Sed, kial?

— Pro tiu Sabo.

— Ĉu via edzino amis sinjoron Sabo?

— Sed kion vi pensas, hontu!

— Mi pensas, ke vi freneziĝis. Kiu estas tiu Sabo?

— Ankaŭ mi scias nur malmulton pri li. Li estas provinca ĵurnalisto, kelkfoje li vizitas la ĉefurbon, antaŭ kelkaj jaroj li estis en Parizo kaj li tre ŝatas la trinkaĵojn, en kiuj estas forta alkoholo.

— Kaj...?

— Mi ne komprenas vin — diris mia amiko — kion vi volas per tiu ĉi stulta »kaj«. Mi diris jam ĉion pri li, kion mi scias.

— Mi esperas, ke tamen vi freneziĝis kaj ne mi. Florian, provu paroli kompreneble!

— Do bone, mi parolos, sed ne plu embarasu min per viaj stultaj interdiroj...

IV.

— Iun belan tagon; antaŭ tri semajnoj mi iris malrapide kaj meditante hejmen. La apudbulvarda strato estis tute blanka, neĝeroj faladis dense, bele, rave, kiel... sed tio ne gravas... la neĝo falis kaj la blanka, mola, brila tapiŝo kovris la trotuaron. En la moleco de la vintro la strata vivo obtuziĝis, la bruo forfluis, ĉio eksonis tra sordino kaj la tuta tagmezo estis stranga, senverŝajna, ĉarma. Kaj mi pensis, ke la preterpasantoj, kies ĉifonojn kovris la brilantaj neĝeroj, eble forgesas la ĉifonojn pro la blanka brilo, ĉar ili ridetis, kiel mi mem ridetis al la petolaj, tiklaj neĝlanugoj. Miaj pensoj aperis same obtuze, kiel la tuta ekstera, mondo kaj en tiu ĉi pastela momento aperis en mia mondo la figuro de Steĉjo Sabo.

Li estis afabla sinjoro, juna persono, kiu ĝuste en la momento de nia unua renkonto, malhavis la certan aplombon, kiu cetere karakterizas la ĵurnalistojn. Kvankam lia aspekto ne respegulis la maturan ekvilibron, mi ne supozis, ke tiu ĉi balancira figuro de la vintra tagmezo ekirigos sortotragedion, kian prisonĝis nek Sophokles...

(.... nek Aischylos — mi diris.)

Sinjoro Sabo marŝadis iomete malrekte, li fajfis petoletan kanton kaj lia vojo similis al tiu de la hundoj, kiuj same zigzage, malŝpareme uzas siajn piedojn por proksimiĝi al la aktuala celo. Kaj krome tiu ĉi neĝkovrita trotuaro. Oni ne povis aserti, ke sinjoro Sabo ne trinkis dum la nokto, eĉ... Li puŝis min, poste li zorgeme frotadis sian surtuton, kvazaŭ mi estus pesta, aŭ eble li timus alian epidemion, kiun mi evidente havas. Mi forrapidis. Sed li estis la delegito de la nigraj potencoj kaj alkriis min:

— Haltu! — poste — Bitte, mein Herr! — Monsieur! Domine... Sinjoro, ĉu vi ne parolas esperante?

Vi scias, ke mia plej reagema punkto estas Esperanto. Mi haltis. La fatalo proksimiĝis. Steĉjo venis kun brila vizaĝo:

— Mi estas Steĉjo Sabo, ĵurnalisto el K... kaj ebria hipopotamo...

Min memoroj ekkaptis. La junulo ŝajnis simpatia tra la nebulo de la ebrieco kaj tra la vualo de la vintra tago. — Ho, juneco, ho la juneco...

— Vere mi ĝojas — mi respondis.



Stanislao—Grabowski (Negeometria konstruado)

— Nu vidu, vi estas mia plej kara amiko. Venu kun mi.

Ni ekiris brak-enbrake.

— Kie vi estis? — mi demandis.

— Vi eraras, mi ne estis, mi estadis.

— Pardonon, kie vi estadis?

— Sed tion mi jam forgesis.

Mi ne volas rakonti al vi tute detale la interesan dialogon, kiun kelkfoje plivigligis la bonhumoraj preterpasantoj, sed vere mi amuziĝis bone kun Steĉjo, kiu estis brava bubo, kaj li aspergis malavare la trezorojn de sia zigzagvoja spirito. Li rakontis al mi, ke li amas belan fraŭlinon, ke li estis en Parizo, ke li estas jurnalisto kaj ebria hipopotamo, ke li amas ankaŭ min kaj li volas min kisi, ke ni devas estis fratoj. Perforte li tiris min al iu subpordego kaj tie li solene ekparolis:

— Jen ni estas fratoj. Kaj nun ni duonigos niajn havaĵojn. Kiom vi havas?

— Mi havas neniom — mi diris — kaj vi?

— Ankaŭ mi same — li respondis melankolie — Tamen... donu al mi tion... (Mia nomkarto falis al la tero.)

Ni ŝanĝis nomkartojn. Steĉjo havis mian nomkarton.

Tre malfacile mi povis forlasi lin, li volis min kisi, eble centfoje. Li ne volis min adiaŭi, ĉar la adiaŭsaluto estas la plej malgaja io en la homa vivo... Fine li tamen foriris kaj mi povis rigardi finfine la balanciĝantan, iom post iom malaperantan figuron de mia nova frato.

V.

Mia nova amiko malaperis kaj mi, facilanima homo, tute priforgesis lian ekziston. Post kelkaj tagoj mi forvojaĝis al la provinco, aranĝi miajn oficialajn aferojn. Poste mi revenis kaj ĝuis la plezurojn de la revido post la unua foresto de mia juna edzino.

Sed nun mi devas paroli pri tio, kion faris dume la delegito de la nigraj potencoj. Tion ne li rakontis al mi, sed mi povis konkludi ĉion, ĝis lia alveno en mian ĉambron.

Steĉjo denove vizitis kelkajn popolamuzajn institutojn, kie oni povas forgesi la tagajn malbonojn kaj li denove primeritis la titolon: ebria hipopotamo. Eĉ, ĉiokaze li superis sin mem kaj ĉirkaŭ la noktomezo li havis nur tiom da konscio, ke li transdonis lian nomkarton al iu bonkora preterpasanto, petante lian bonvolon. La afero okazis en la proksimo de mia loĝejo kaj la afabla bonkorulo gvidis lin al mia loĝejo, ĉar kompreneble, lia nomkarto estis la mia, kiun mi lasis ĉe li facilanime, okaze de nia interfratiĝo. Tiel proksimiĝis la sortotragedio al mia silenta litĉambro. Steĉjo alvenis kun fremda apogo kaj subteno kaj tiel obstine li montradis mian nomkarton, ke la domzorganto lasis lin enveni, eĉ li montris la pordon de mia loĝejo. Post kelkaj minutoj li jam estis en mia loĝejo...

(Atendu, atendu — mi interparolis — kiel li povis eniri tra la pordo?)

— Denove tiuj stultaj demandoj — diris Florian — mi jam diris al vi, ke sinjoro Sabo ne estis homo, li estis superhoma delegito de la supraj, aŭ subaj potencoj. Mi ne scias, kiel li envenis, eble la hazardo — la patrino de la historio — helpis al li — eble li havis bonan ŝlosilon, eble ni lasis malŝlosita la pordon, aŭ li venis tra la ŝlosiltruo, mi ne scias, sed fakte li estis jam en la apuda ĉambro kaj...

VI.

Tiun vesperon ni malfrue enlitiĝis kaj la dolĉa sonĝo rapide surflugis miajn okulojn. Mi havis belan sonĝon. Mi jam ne povas rememori, kio okazis, sed mia edzino kaj mi havis flugilojn kaj ni petoladis en bela



Stanislao Grabowski (Negeometria konstruado)

ĝardeno, do estis tute tolerebla sonĝo, kiam en la mezo de la paradizo mi vekiĝis, ĉar la pordo knaris forte, minace kaj simile al la trumpeto de la lasta prijuĝo. Samtempe aperis lumstrio. La lumstrion kaŭzis, ke mia amiko lumigis la alian ĉambron kaj tie li senvestiĝis dece.

Sed ĉion ĉi mi ankoraŭ ne sciis, mi sciis nur tion, ke la pordo ekknaris, ne kompetente kaj estis embarasa lumstrio kaj en la radio de la lumstrio aperis ne tro konfidinda persono — en pantaloneto laŭ la plej nova modo de Ghandi. Mi ne estas malkuraĝa homo, tamen la sango frostiĝis en mia vejno. La fatalo proksimiĝis al mi. La nokta gasto faris kelkajn paŝojn tien kaj reen — mian gorĝon premis teruro, mia edzino dormis dolĉe. Fine li alvenis mian liton kaj la vira kuraĝo revekiĝis en mi. Perforte mi forŝovis la palpantan manon.

— Sed lasu, kion vi faras — demandis konata voĉo.

Mi eklumigis la ĉambron kaj mi ekkriis, rigide pro la surprizo.

Jes, li estis Steĉjo, li senĝene okupis en la sekvinta minuto la duonon de mia lito. Li ne havis tro klarigeman humoron, tamen li sukcesis veki per sia ne tro diskreta konduto mian edzinon. Ŝi ege miris, pro la duobliĝo de la viroj en la litĉambro, demando sekvis demandojn kaj la respondoj ankaŭ de mia parto estis iomete konfuzaj. Okazis aludo pri stranga interkonatiĝo, pri frateco, poste Steĉjo konfesis, ke antaŭ kelkaj tagoj ni trinkis kune kaj ŝi aludis pri iu belulino... Verŝajne la bona bubo eraris.

Kaj mia edzino diris:

— Vi mensogis al mi! Vi diris, ke vi vojaĝas al la provinco! Ho, mi malfeliĉa!

Mi balbutis. Mia edzino ploris. Steĉjo dormis trankvile kaj nevekeble.

La sekvan tagon nenio klariĝis, ĉar la disputo daŭris dum la tuta nokto en la diversaj ĉambroj kaj lokoj, kien mi sekvis mian fuĝantan edzinon. Ŝi kredis nenion el miaj vortoj. Ni disputis ĝis malfrua mateno kaj kiam ni revenis en la litĉambron, Steĉjo jam malaperis tiel sekrete, kiel li venis. Nur unu el la ŝtrumpoj kaj kelkaj korkoj perfidis lin. La delegito de la superaj aŭ subaj potencoj plenumis sian devon, kaj li jam foriris. Kaj mia edzino forlasis min, ŝi volas vidi min neniam plu, min la alkoholiston, la diboĉulon, la friponon, la portanton de aliaj samvaloraj, elokventaj titoloj. Kaj mi ne povas kontraŭfari. Mi ne povas kontraŭstari mian oferiĝon, mi mortos, kiel viktimo de antikva sortotragedio, la viktimo de la subaj aŭ supraj potencoj. Ĉu mi ne ploru?

— Sed jes! — mi diris.

Li ploris. Ankaŭ mi havis larmojn en miaj okuloj.

# K. Kalocsay: Streĉita kordo

**— Ludoviko Totsche, Budapest —**

(*Daŭrigo.*)

Se ni foliumas la Streĉitan Kordon, iom post iom formiĝas en ni la impreso, ke ni ne legas poemojn hazarde apudmetitajn, sed ke ili kontinuas unuece. Ankaŭ la cikloj estas tiel ordigitaj, ke ili donas al ni la bildon de ĉiam pli larĝhorizonta evoluo. *La eĥo de la forta voko:* unua renkontiĝo inter la poeto kaj Esperanto, entuziasma ardo al la Nova Sento, amara seniluziiĝo, denova fido. *La enfalinta mino:* sopira rememoro sur la sojlo de l' Vivo, en du poemoj (Se ekbrulus...., Silente, nigre...) fulme ekbrilas kaj forvelkas amo juneca, ilin sekvas la maldolĉaj kantoj de l' trompiĝo, spleno, individua mondĉagreno, poste spita sinturno al la »farsa rimo«, al la »ĝojŝafideto« loĝanta en la koro, sed ree refalo en la solon, en la ĉagrenon, dum la senteman koron de l' trista poeto ektuŝas la komuna sorto (Homo, Ve). *Aglo kaj kolombo, Korprintempo:* nova amo, nova feliĉo. Sed la poezio de l' feliĉa amo estas unutona, ĉiu verso volas finiĝi per la rimo: Mi vin amas! Tio estas neevitebla kaj tial la poeto rezignas pri plua prikanto:

»Ĉu skribi pri l' am' papere,
Per aĉa inko? Ja prefere
Sur neĝo de viaj ŝultroj brilaj
Per fajro de lipoj maltrankvilaj.«

La rigardo de l' poeto nun direktiĝas al la ekstera mondo. Komence la fenomenoj de tiu ĉi nova sfero resonigas kordojn en la interna mondo, en la animo. La poemo pri senespera amo de l' popoloj en aleo ekfrapas melankoliajn akordojn. Sed la poeto jam traktas la temon iel *elekstere*, iel superece: kun la objektiveco de l' artisto.

La sekvantaj poemoj anoncas plenan forturniĝon de l' interna mondo. Ili raportas pri serĉado de temoj, vojoj, formoj, pri elprovado de ĉiam pli perfekta versekniko. Ne estas do mirinde, ke inter ili regas la soneto, la formo plej malfacila, do plej avidinda. Pure parnasaj poemoj estas la sonetoj pri la jarsezonoj. Ĉi tie uzas Kalocsay la elizion de l' adjektivo (en la tuta libro nur unufoje):

»Last horojn nun vivas la granda Naturo«,

eble por praktike suriri la vojon, kiun li aliloke konjektas tiu de l' estonto (Lingvo Stilo Formo). La sonetон *Printempo* mi trovas iom laca, precipe pro la ne tre sukcesa finiĝo. La aliajn tri mi opinias perfektaj pecoj. La soneto *Mondhaveno:* grandioza panoramo pri tondranta spirego de moderna Babelo, kolosa vizio pri homformikoj perdiĝintaj en la ĥaoso de l' teknikaj mirakloj, kaj fine apoteozo pri la trankvilo de l' kampoj, kun tia forto de l' esprimo, ke la finaj versoj longe elsonoras en la senfinon:

»Persekutate kvazaŭ de nevidebla skurĝo,
Skuate de la febro de senkompata Urĝo,
Kuradas ili: perdis la benon de l' Trankvilo...

Dum lace pro la vido mi fermas la okulojn:
Mi vidas: en sunbrilo sur freŝajn terobulojn
Kun gaja fajfo paŝas kampulo post plugilo.«

La vojaĝo al Finnlando inspiris la poeton pri du poemoj. En la ĝisnunaj versoj la naturaj bildoj ne estas fiksitaj al certa loko, ili restis ĝeneralaj. Sed en tiuj ĉi versoj la poeto starigas antaŭ niajn okulojn realan pejzaĝon. *Wallinkoski:* gvidas al la pinborderita mondo de l' finnaj akvofaloj. La poeton irantan laŭ la bordo de rivero superregas la legenda atmosfero de l' mirinda ĉirkaŭaĵo: sur la trankvilaj ondoj de l' rivero aperas vizio, Väinemöinen sidas en boato, la blonda Aino ridas sur la bordo, la aeron dolĉe tramigras la ama kanto, la sensoj luliĝas en sorĉan sonĝon... Subite la ritmo ŝanĝiĝas, la pacajn trokeojn anstataŭas brutalaj anapestoj anoncante la proksimiĝon al la akvofalo. Kaprice saltanta ritmo, riĉa frapado de duraj rimmarteloj prezentas al ni la miraklon de l' naturo. *Sur la Saimaa:* la Saimaa estas rivero, kiu kunligas la mil lagetojn de l' finna lagomondo, sur la lagoj estas insuloj, post la insuloj ree rivero, poste ree lago kun insulo... Kaj se vi staras sur la antaŭo de l' ŝipo, vi vidas, ke

»... en la blua helo
Lagon kisas la ĉielo«,

kaj vin atakas la neniam satigebla deziro: serĉi la fabelan landon de feinoj: la landon de l' feliĉo. Feliĉa esprimo de l' eterna nostalgio al la nova, nekonata kaj ĝuste tial mistera kaj altira:

»Eble tie, sur ĉi bela
Insulet' la bord' fabela
Nin atendas, ĝuste nin...«

En tiu ĉi ciklo kun brila armilaro ekparolas la ironio de l' poeto. *La kripla Pegazo:* akre, senindulge kaj sprite vipas la fuŝpoetojn, tiom oftajn en la movado. Dum ĉi tie Kalocsay celis nepre komikan efekton, la *Veoj pri la asonanco* enhavas iom da persona amaro. Ĝi estas dediĉita al certaj kritikistoj, kiuj — eble pro nura lingvoteoria vidpunkto, eble pro individua malŝato — volas toleri en Esperanto nur purajn rimojn kaj estante surdaj al la poeziaj kaj lingvaj belecoj de la Kalocsay-poemoj, serĉas la kaŭzon de sia surdeco en la rimoj de Kalocsay. Kompreneble la poemo brilas per la plej perfektaj puraj rimoj!

En la *Ezopa fablo* ni retrovas la konsekvence



Stanislao—Grabowski (Negeometria konstruado)

kondamnan sintenon kontraŭ la militarismo. Anstataŭ la malespere dolora kaj profete entuziasma tono de l' junaĝo, la viro vestas sian prijuĝon en la simplan, ironian mantelon de l' fablo. Ĉiu lernolibro devus enhavi tiun ĉi juveleton de nia literaturo.

La paralelaj sonetoj : *Familiopatro, Maljuna fraŭlo* kun kruela reflektoro ĵetas lumon sur ambaŭ sortojn. Sed la parnasan *impassibilitê* jam trakolorigas ia kompatema kunsento. Kalocsay nur provizore estis adepto de l' parnasa skolo, li alproprigis ilian kulton al la formarto, sed rapide preterpasis ilin. La transiron al temoj pli proksimaj al la sentimenta vivo de l' poeto vojsignas la *Tragedieto :* sur batalkampo trafas etan birdon la *stulta kuglo* kaj la soldatoj, kiujn krudigis la senfina batalo, per subita ekfulmo de l' kompato demetas la malgrandan korpon en tombeton :

»Jen kuŝas kantisteto en la heroa mort' !«

Kalocsay amas la infanojn. Kiam li parolas pri ili, lia lingvo survestas ian ĉarman tenerecon. Kaj li estas bonokula observanto. Kiam li prezentas la *Infanojn ĉe montrofenestro*, ili staras antaŭ ni en sia plena realo, kun siaj infanaj ĉagrenoj kaj spitoj. La poemo estas tre konvena por deklamado. Kaj ĉi tie mi volas noti, ke preskaŭ ĉiuj Kalocsay-poemoj estas sukcese deklameblaj, se inteligenta artisto eksperimentas per ili. Jam estas tempo, ke ni aprezu niajn valorojn ! Se iu kontraŭĵetos, ke nia publiko rekrutiĝas ĉefe el ankoraŭ neperfektaj esp.-istoj, por kiuj kelkaj el tiuj ĉi poemoj eble estus malfacile kompreneblaj, mi povas respondi nur : unue ni ne tro malalte taksu la lingvokonon de nia publiko (moda malsano nuntempe !), due ni kutimigu la neperfektulojn al la ĝuo de la pli alta, do memkompreneble pli malfacila literaturo.

La koron de l' poeto trafis la antaŭvento de ia eksterordinara feliĉo. En la obsedo de tiu mistika stato li iĝas pli perceptema por la sorto de la aliaj. Li hontas pro la senpovo, kiam li vidas la *Palan Procesion* de l' grandurbaj knabinoj destinataj por kor- kaj vivĝojmuelaj horoj en la fabrikoj kaj kontoroj. Nun per majesta himno sin turnas la poeto al la *Patrineco*. Kiu ajn nacia literaturo rajte povus envii Esperanton pro tiu ĉi poemo. La poeto venis tiel proksimen al la kompreno de l' knabinaj sentimentoj kaj eĉ de l' knabina korpo, kiel tio entute eblas por viro. Nek unu superflua vorto, nek unu pli malforta linio, nek unu pli pala bildo troviĝas en tiu ĉi senmakula panegiro. Ĝi estas verkita per perfekta preteco de l' artisto, sed ĝia voĉo estas pura kaj simpla, kiel tiu de l' Biblio. La enteksita soneto estas aparta ĉefverko :

»Mallerte sian ŝarĝon sub la koro
Ŝi trenas time, kun ŝirmanta brako...
Komika vid'... Sed super ŝi, el oro,

Mi aŭreolon vidas en imago.
Jen iras kontraŭ tempon de do'oro
Heroineto de la Sesa Tago.«

AHASVERO DE AMO.

La tuta ciklo formas *unu* poemon, en ĝi estas rakontita la historio de *unu* amo. Post la spritaj prologoj la heroo de l' poemoj plendas pro la malvarmiĝo de sia amo. Vane uzas la amatino sian plej potencan armilon, la larmon, vane alarmas denove la printempo, la heroo devas konfesi, ke ankaŭ lia amo ne evitis la komunan sorton de ĉiu amo : la enuon. Li ribelas kontraŭ tiu ĉi fato :

»... Kial la am', se ĝi ne povas
Eterne daŭri ?«

Sed jam ĉesas la hezito, li rapide decidas la disiĝon. Nun subita ŝanĝiĝo de l' tono, la libera malligiĝo de l' koro elvivas sin en laŭtaj jubiloj. La heroo ĵetas sin en la diboĉajn plezurojn de l' libere elektitaj ĝuoj, sed baldaŭ li konsternite rimarkas, ke li ree estas katenita. Kun la sento de furioza senpovo li turnas sin kontraŭ la amo, lia subjuganto, kontraŭ la virino, la eterna malamiko. Kaj obsedas lin infera venĝemo : la virginan purecon li volas treni al la amgeheno, por ke :

»....... Vizaĝo via ĉasta
Iĝu virinvizaĝo kun peka mark' de l' Scio.«

Sed venĝo ne helpas la propran malfeliĉon. Kun simulita ironio, sed kun interna envio li rigardas la feliĉon de tiuj, kiuj saĝe kontentiĝas pri la konstruita nesto. Li sentas sin malbenita Ahasvero, destinita por

»Konstrui neston, sed neniam nesti«.

Lin tentas el la pasinto la bildo de l' feliĉo, kiun li mem disŝiris, sed vane :

»Sur mia koro staras skribo nigra :
Lasciate ogni speranza, voi ch' entrate.«

Novan ekflamon de l' karno sekvas la pripento. La *bona amo* kvazaŭ varma talaro lin ŝirmis kontraŭ la furiozo de l' mondo kaj li perdis ĝin... Kun sincera pentofaro, kiel la disipa filo, li revenas al la amatino, ĉar li rekonis, ke sole la kunfandiĝo en la pura amo povas alporti la savon, la liberiĝon, li rekonis, ke *unu* estas pli multa ol la *multo*.

Ĉu tiu ĉi *happy end* estas la definitiva solvo de l' problemo ? Ĉu la amo ne signifas ĉiam nur katenagon ? Ĉu Budho ne venis pli proksimen al la solvo, kiam li predikis la forturniĝon de *ĉiu* amo : El la amatino devenas la sufero, el la amatino devenas la timo : kiu tute forŝiriĝas de l' amatino, tiu ne suferas, ĉar kion li timus ? La problemo, kiel ĉiuj eternaj problemoj havas plurajn solvojn. La poeto per la nesuperebla perfekteco de l' matura artisto prezentis la sian. Kalocsay estas sendube la plej profunda amkantisto de nia poezio.

EBRIA EKVATORO.

La animo de l' poeto, plena de individua feliĉo, vastiĝas por surpreni la ŝarĝon pri la sorto de l' homaro kaj universo. Tiu ĉi ciklo atingas tian altan gradon de l' poeta esprimpovo, tian filozofan profundon de l' sublima Penso, ke ĝi levas la poeton el la kadro de unu literaturo. Tiuj ĉi poemoj estas ne nur la perloj de la Esperanta poezio, ili viciĝas al tiuj, en kiuj la genioj de l' homaro priesploris la esencon kaj destinon de l' Homo kaj Mondo. Sentempaj kaj eternaj kiel iliaj temoj eternaj, ĉi tie ili fandiĝas en eternan formon. Kaj, kiel la plej profundaj akvoj, ili estas mirinde klaraj kaj, kiel la paraboloj de l' Biblio, nesupereble simplaj. Ilia kompreno estas ludo por inteligentaj esp.-istoj: kiuj sufiĉe bone konas la lingvon, por tiuj estas bezonata nur atenta lego. La tuta mondpercepto de l' klera, eksterordinare inteligenta poeto estas densigita en tiujn ĉi poemojn. Kaj ĉi tie mi devas iom paroli pri tio, ĉu la pli supera intelekto, la multflanka erudicio malhelpas la sugestan forton de l' poeto ? Multaj parolas kun prefera mencio pri la tiel nomataj »sovaĝaj genioj«, kiuj ne estas »librovermoj« kaj kiuj obsedkaptas la leganton per la kruda forto de sia *denaska pragenio*. Nu, laŭ mia opinio, se oni de pli proksime ekzamenas *tiujn sovaĝajn geni-*

*ojn*, kiuj *vere* estas genioj, oni ĉiam trovas sur la fundo de ilia poezio nekontesteblan kulturon pariĝantan kun la denaska talento. Estas certe, ke la Kalocsay-poemoj malkaŝas al la leganto ne nur poeziajn kaj lingvajn belecojn, en Esperanto ankoraŭ neniam renkontitajn, sed ili donacas al la intelekto la ĝojon de pure spirita plezuro. Estas certe, ke Kalocsay estas nia plej inteligenta kaj klera poeto.

La kritiko ne multe atentis tiujn ĉi poemojn, unu el la recenzistoj menciis ilin, kiel poemojn kun »iom da kosma enhavo«. Ankaŭ al la pli larĝa publiko ili ankoraŭ ne trovis la vojon. La kaŭzon de tiu ĉi fenomeno mi trovas en ia konservativa malprogresemo. Oni kutimiĝis al la brila teknika riĉeco de l' pli fruaj poemoj kaj oni staras senkomprene antaŭ la nova tono, antaŭ la ŝajne pli simpla vesto. La rimoj modeste kaŝas sin akcentante ankaŭ per tio la pli superan gravecon de l' direnhavo. Sed la simpleco ne signifas samtempe la malfortiĝon de l' esprimpovo. Eĉ kontraŭe! Ankoraŭ neniam sonoris lia nobla bronzo kun tia plena kaj potenca voĉo! Liaj »liberaj versoj« estas konstruitaj kun la plej rafinita arto. Sed la formo estas severe submetita al la servo de l' nuda kaj vera Penso. La artisto rezignis pri la popularaj iloj de l' ekstera efiko kaj jen, la penso, la kerno de l' poemo mem fariĝis formo! La naskiĝanta ideo ne plu serĉas la konvenan korpon, sed Ideo kaj Formo prete elŝiriĝas el la utero de l' poeta animo, la Formo obee sekvas la konturojn de l' Ideo...

Nun ni rigardu de pli proksime kaj aparte ĉiujn el la ok poemoj, kiuj formas la ciklon.

*Ekstaze:* la Katenoj memvole malfermiĝas, la Ligaĵoj aŭtomate defalas, la liberiĝinta Memo jubile fandiĝas en la Unikan Ĉion, perdas sin mem, sian volon, por retrovi ilin en la Volo Eterna, kiu vivigas la universon. Potenca panteista psalmo: festa feliĉo de l' sinofera solviĝo en la savantan *Pan*.

*Diboĉe:* facila ĝojkanto al la suna triumfo de l' mateno, soleca ekhalto inter la ŝtoniĝinte grizaj rigardoj de l' urbaj viroj, virinoj, rapidantaj al la ĉiutaga jugo:

»homoj rapidas
en ĉies nazo: ringo
en ĉiu ringo: fadeno
kaj la fadenojn tiras
Sorto Mono Intereso«

Neniu rigardas por ekkapti la kison de l' suno, neniu sendas ekmiran, rekonan saluton al la aliaj: plenda akuzo kontraŭ la ŝtona kulturo de l' urba civilizo.

*Vizio sur la ponto:* iun vesperan someron la poeto staras sur la mezo de l' ponto, la obtuza murmuro de l' urbo dronas en la vesperan krepuskon, la monotona ruliĝo de l' ondoj halucinigas antaŭ lin la senliman Tempon, kiun la rivero indiferente trafluis. Sub la apenaŭ eltenebla pezo de l' Eterno kaj Senfino la eta memo malfermiĝas al la terura Drivo de l' Jarcentoj, kiuj nun torentas tra lia jam preskaŭ dissolviĝinta kadro... Konvulsie li kaptas al la fera pontokrado por resavi sin en la estanton,

»en mian... jarcenton... mizeran...«

*Demande:* konsternita, impeta demando meze de l' tumulta svarmo de l' vivo, subita konsciiĝo pri ia mistera dualismo de l' memo, nekomprena, elekstera rigardo pri siaj agoj, pri si mem, pala, duba konjekto pri ebla ekzisto de ia kosma Spirito...

*Spite:* akra sinturno kontraŭ la *Pan*, rifuĝa ribelo de l' *mi*, apoteozo de l' atomo pasema, de l' *homo*, kiu per sia momenta ekzisto pridonacas la indiferentan, mortan materion per la koloraj briloj de sia eterne soifa, eterne malfermita Okulo.

*Efemere:* en tiu ĉi giganta odo ni retrovas la temon de l' antaŭa poemo, sed kun profunde tragikaj konturoj, kun silueto projekciita en la senfinon, la neniam estingebla deziro al la senmorteco manifestiĝas ĉi tie kun elementa forto. Ne *Pan*, la senpersona — do senpova eĉ en sia stulta potenco — minacas ĉi tie la memon per avida engluto, sed la pasema, bagatela *mi* triumfe vastiĝante donas al ĝi vivon kaj sencon!

»...ho mia penso, belege freneza sago kiun mi pafas
en la malhelbluon de l' Nokto, ke ĝi flugu meteore
kaj kun fajre triumfa ekbrilo anoncu ĉe l' sojlo
de l' Senfino:
Jen mi sendita de homo!«

Sed ve! vanas la ekstazo, vanas la venko! marŝas la terura, senindulga, nehaltigebla aro de momentoj (ĉu vi rimarkis, la kruela, martela frapado de l' dura, monotona ritmo per kia koloriga efekto sensigas ilian neeviteblan, fatgravedan ĉeeston kaj pason?) kaj manĝas kaj murdas la efemeran triumfon, kaj el la estonto elnigras la nepra certeco de l' fina momento... Ho! nur unufoje ekkapti, haltigi nur unu el tiu ĉi precize marŝanta armeo por deskui

»la ĉenojn de l' tirana Temp'«,

por plenigi per sentoj la obstine malluman materion, por freneze beatiĝi en la ebria danco de l' atomoj, por iĝi senco de l' leĝoj universaj... Kaj post la ĝiseterne streĉita pliigo de tiu ĉi unika momento jam estos indiferenta la neniiĝo, la kruela reakcio de l' blindaj fortoj...

Por tiuj, kiuj trakomprenis ĝian tutan signifon, tiu ĉi grandioza poemo estas la zenito de la ĝisnuna Kalocsay-poezio.

*Freneze:* decida militdeklaro al la surda, blinda egoismo, fortvoĉa alvoko por fratiĝi en la komuna sorto, por rimarki, adori la belecojn de l' tera vivo, por festi la liberiĝintan ĝojon de l' homo, kiu per la sklavigo de l' maŝinoj sin liberigis de la premo de l' laboro, alvoko por Universa Festo, dum kiu la poeto

»kun mortbrakuma, mondbrakuma gesto,
ebria ekvatoro, ĉirkaŭprenas la Teron.«

*Duope:* monumenta epilogo, inda al la verko. Denove seniluziiĝo, denova konvinkiĝo pri la vanteco de ĉia ideala klopodo, denova rifuĝo al la »mondvalora Bagatel'«, la amatino, sed la fortikiĝinta fido de l' poeto jam transsaltas la abismojn de l' pesimismo: lia profunda saĝo ĝuste en la atoma feliĉo de l' duopo konjektas la ĝermadon de ia naskiĝanta Novo:

»En mondfluido plena de amara sal',
Jen ni: komenca molekulo de kristal',
Kaj ĉio, ĉio, jen, kun diamanta bril'
Metiĝas ĉirkaŭ nin! Kaj kun facetoj mil,
Kolorojn ravajn radiante en dispers',
Kreiĝas ĉirkaŭ ni kristala Univers'!«

# REVUO DE REVUOJ

Nia gazetaro ne povas oferi multe da loko por la literaturo. Tamen en kelkaj pli gravaj revuoj ni trovas sufiĉe viglan literaturan rubrikon, sed ankaŭ en aliaj, ne tiom vaste konataj propagandaj gazetoj aperas kelkfoje novelo aŭ poemo, ĉu originala, ĉu tradukita, kiu meritus, ke oni atentigu pri ĝi la publikon. Pro la troa dissplitiĝo de l' Espa gazetaro, la publiko ne estas en la situacio: observi ĉiun valoran literaturajon, kiu dise aperas, ĉiun novan talenton, kiu ekparolas unue en iu propaganda gazeto. Ŝajnas al ni ne malutile, se de tempo al tempo (kvaronjare) ni raportos pri la literaturaj eventoj de la Espa gazetaro al nia legantaro, kiu estas certe la plej kompetenta literatura publiko en Espujo. Kompreneble ni ne preterlasas ankaŭ lingvajn rimarkojn, se ili ŝajnos necesaj. Kelkfoje ankaŭ pritraktinda vidpunkto de iu recenzo donos temon al ĉi tiu raporto.

Ankaŭ al la verkistoj estos simpatia la nova rubriko, mi esperas. La espista verkisto ofte estas simila al preleganto, kiu parolas en la mikrofonon: la mikrofono ne peras la plaĉon aŭ malplaĉon de l' aŭskultantoj, ankaŭ al la voĉo de l' espista verkisto ofte neniu respondas. Ke tio efikas paralize, ke la verkisto bezonas la eĥon, ĉu simpatiantan, ĉu kritikeman (tiu ĉi lasta ofte alportas pli sanan rezulton), tion ĉiu rekonas, kiun la Muzo kutimas honori per sia vizito. Nia rubriko ambicias iĝi perceptema eĥo de ĉiu espista talento, kiu eklumas sur la Espa firmamento.

Tia esploranta observado estas agrabla okupo por la kritikisto. Ĉiu kritikisto flegas en la fundo de sia koro la esperon, ke foje *li* malkovros unue genian novan verkiston aŭ poeton... Kaj mi konfesas, ke la sama espero instigis min akcepti la taskon de tiu ĉi kvaronjara raportado...

ESPERANTO (UEA) novembro, decembro). Interesa raporto pri vizito al Gandhi. — Kuraĝa kritiko de Stroele pri la Nekrasov-traduko de Eŭgeno Onegin. Mi plene konsentas la vidpunkton de la recenzisto: »Por transigi al alia lingvo, idee kaj forme, tian artaĵon, estus necese posedi la genion de l' aŭtoro, kaj eĉ tiam refari en lingvo kun tute malsama strukturo, alian ĉefverkon.« Tute prave! Sed mi ne povas pravigi la pesimismon de s-ro Stroele rilate al la eblo de perfekta Espa traduko de tiu ĉi Puŝkina ĉefverko. Oni nur legu en la Eterna Bukedo de Kalocsay la *leteron de Tatjana,* por ke oni povu konvinkiĝi pri la eblo de traduko egalranga al la originalo. — Du lerte tradukitaj Goethe-epigramoj reprezentas la poezion. La tradukinto: Franz Döring. Ni vidu unu el ili:

*Saĝo.*

Eĉ se heroo mem kontentas,
Liganon tamen li aspiras;
Kaj se venkito tre prudentas,
Li kun venkinto tuj konspiras.

La decembra numero enhavas brilan tradukon de Kalocsay: profunde melankolian poemon de la granda rumana poeto, Mihail *Eminescu.* — Komika rakonto de Rabelais: *La ŝafoj en maron,* en la verva interpreto de Edmond *Privat* tre amuzas la leganton.

HEROLDO DE ESPERANTO (novembro, decembro). Certe la plej signifa literaturaĵo, kiu aperis dum tiuj ĉi monatoj sur la paĝoj de Heroldo, estas la novelo de la flandra verkisto Reimond *Stijns: Lia filo,* en la senriproĉa traduko de *Jan van' Schoor.* Bone viditaj, trafe pentritaj figuroj, simpla, sed esprimforta lingvo distingas la novelon, kiu temas pri maljuniĝinta, iom trinkema muzikisto, kies filo fariĝis fama muzikestro de la duko de Saksujo. — F. *Cesarini* skribis interesan artikolon pri la historia kaj literatura rolo de la nobla korpoparto: la nazo. — Impresan *Epizodon* de M. Spektor tradukis el la juda lingvo S. *Guterman.* — *La ĉina hundeto* de E. W. *Hartmann* (tradukita de Heinrich *Fahnl*) estas neĉiutaga groteska temo rakontita per facila, amuza stilo. — Kun interesiĝo oni legas la rutinajn recenzojn de Max Butin, L. K., precipe lia detala analizo pri la Lingvo Stilo Formo de Kalocsay estas tre atentinda. — Mi ne scias, kiu eltrovis la »sensupersignajn tekstojn«, sed estas certe, ke tiu ĉi nova manio (ĉu vere nova?) estas la plej kurioza, la plej ridinda io, kio iam aperis sur la paĝoj de Esperanto-gazetoj. Ĉu oni hontas la supersignojn? (Sed ĉu aliaj lingvoj, kiel ekzemple la franca, aŭ la ĉeha ne havas samajn aŭ similajn supersignojn?) Fine ni vidos tekstojn sen la plurnombra *j,* aŭ sen la *n* de la akuzativo. La japanoj aperigos tekstojn sen la litero *l* ĉinoj sen *r,* finnoj sen *b, d, f, g.* Fine ĉiu forlasos el la lingvo, kio ne konvenos al lia persona gusto! Kara ĉefredaktoro Jung! mi estas certa, ke vi eltrovos pli spritajn amuzilojn por kelkaj plenkreskintaj suĉinfanoj!

RIVISTA ITALIANA DI ESPERANTO (oktobro, novembro, decembro). Tiu ĉi lerta propagand-gazeto aperigas la plej gravan eventon de l' Espa poezio: de numero al numero ĝi publikigas la Dante-tradukon de Kalocsay. Cetere la Rivista ne aperas de la unua de januaro. Ĝin anstataŭos la dusemajna »L' esperanto«.

POLA ESPERANTISTO (novembro, decembro). Ĝi malavare donas lokon por literaturaĵoj. Ĝi faras viglan propagandon por la Espa libro. Pleje impresis min du ĉapitroj el »Anhelli«, simbola poemo de Juljusz *Stowacki* en la traduko de *Lena.*

ESPERANTO PRAKTIKO (oktobro, novembro-decembro.) De januaro ĝi ĉesis kiel aparta gazeto kaj fandiĝis en la Germanan Esperantiston. Ĝi enhavas tekstojn precipe por perfektigo de komencantoj. Kun laŭdo estu menciata skizeto de Kenelm Robinson: La narcisismo. La unuaktaĵo de H. Boucon: Esperanto en la Kastelo, ne tre plaĉis al mi.

GERMANA ESPERANTISTO (novembro, decembro). Karl Minor, en sia recenzo pri la Rimportretoj de Kalocsay, rimarkis en la libro nur la fotojn!

INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO (oktobro-decembro). Interesaj artikoloj por fakuloj.

SVENSKA ESPERANTO TIDNINGEN (novembro, decembro). Tiu ĉi lerte redaktita, bele presita gazeto enhavas nenion por literaturamantoj, sed entuziasme propagandas por la Espa libro.

AMERIKA ESPERANTISTO (novembro-decembro). Bela eksteraĵo, bonega papero, tekstoj por komencantoj.

LA SUDA KRUCO (novembro). Leginda kritiko de Robo pri la »Tridek jarojn en la ora nordo«.

FLANDRA ESPERANTISTO (novembro). Kvankam ne tre valoras, tamen legindas la novelo de la bulgara N. Teodorov-Fol: Patologia okazo, tradukis H. Krestanof.

BELGA ESPERANTISTO (novembro). Detala librokatalogo, iom surfacaj recenzoj.

LA MOVADO (decembro). La francoj scias spici per spritaĵoj eĉ propagandajn tekstojn kaj informojn!

OOMOTO INTERNACIA (decembro, januaro), OOMOTO (oktobro). Ili enhavas artikolojn, kiuj povas interesi la simpatiantojn de la Oomoto-movado. Ni notu la poemeton de Simon Frantz: La homo estas la reĝo de la mondo!

LA JUNA BATALANTO (novembro). Artikolo pri Dostojevski.

SKOLTA BULTENO (decembro). Ĉu la artikolantoj de tiu ĉi simpatia gazeteto ne intencas lerni la ĝustan uzon de l' akuzativo?

Pri aliaj revuoj kaj gazetoj mi raportos en mia sekva Revuo.

**L. T.**

# OBSERVO

## LYTTON STRACHEY †

Antaŭ ne longe mi legis la germanan tradukon de lia eseolibro : *Geist und Abenteuer*, en kiu li donas en tiom profunda, tamen en tiom facila mikso la historiojn de la tera pilgrimvojo kaj spirita aventuro de Voltaire, Shakespeare, Stendhal, Gibbon, Macaulay kaj Carlyle — kaj nun mi legas la konsternan sciigon, ke li mortis. La plej aminda kaj nuntempe eble plej saĝa kritikisto de Eŭropo. Mi ne legis libron nuntempe kun pli granda ĝuo, ol lian ; mi kvazaŭ enviis de mi ĉiun jam legitan paĝon, mi ŝparis ilin, por ke restu el ili ankaŭ por la venonta tago, por posta tempo, kiel eble longe. Kaj nun, enpensiĝante pri li, mi rememoras la Gibbon-artikolon, en kiu la morton de la granda historiisto jene priskribas Strachey kun emocia ironio :

»La maljuneco proksimiĝis, Gibbon trograsiĝis, ekhavis podagron, kutimiĝis al la komforto de sia Lausanne-a villo. La franca revolucio furiozis en tiuj regionoj, kiujn, se li volis vojaĝi, li devis travojaĝi. Li tamen ne hezitis. Per sia vetura kaleŝo li evitis la batalantajn taĉmentojn kaj atingis Anglujon en bona sano. La stranga, eta, ronda figuro veturis al Bath kun granda anima feliĉo : la vojaĝo havas tiel agrablan kaj freŝigan miksaĵon de la komforto kaj moviĝo, ke, se ĝi ne estus tiom multekosta amuzo, li volonte vojaĝadus ĉiujare kelkajn mejlojn, precipe en Anglujo . . .« Gibbon vizitis en Bath sian duonpatrinon, tre maljunan sinjorinon, kiu lin adoras super ĉio. Dek tagojn konstantege ili estas kune kaj en dolĉa duopo po tago dek horojn li babilas kun ŝi. Poste li veturas al Athor al lordo Spencer, kun kiu li pasigas feliĉan matenon en la studado de antikvaj presaĵoj. Poste ree al Londono, kie lin atingas ia malbonfarteto. Ne danĝera, eta ŝvelaĵo sur la malsupra korpo, kiu estas tiom karakteriza *insouciance* de la saĝulo kaj scienculo de la 18-a centjaro, ĝi maltrankvilige ŝvelis pro nezorgo, bezonis kuracon, — ne restis alio, oni devis lin operacii. La operacio sukcesis, ŝajnis, ne estas danĝero : »Kaj ankoraŭ foje, laste, okazis, ke Mr. Gibbon manĝas eksterdome, ankoraŭ foje, laste, oni povis lin vidi, kiel kun sia kutima maniero li babilas kaj amuzas la societon, kun levita montrofingro dum parolo, por ke post ĉiu bonsukcesa rimarko li batu sur sian tabakujon. Sed la malsano denove atakas lin — ho, nenio, ne estas serioza afero ! La granda homo kuŝiĝis en liton kaj pensadis pri tio, kiom li povos ankoraŭ vivi — li estis kvindek ses jara —, li povas vivi certe dek, dekdu, eble dudek jarojn. Li manĝis kokidon, trinkis tri glasojn da madeira-vino. Tamen estas ja bela la vivo — »Je suis plus adroit« — mi jam eĉ ne estas tiom senpova — li diras kun sia stranga rideto al la franca lakeo, kiam la deviga neceso de l' momento lin pen-irigas el la lito, poste li denove rekuŝiĝis en la liton. Ion sensencan li murmuradis antaŭ sin, boris sin inter la kusenojn, ekdormis denove, poste perdis sian konscion — por eterne.«

Do, laŭ la saĝa Strachey, la morto de la granda Gibbon estas nur transiro de la komforta vetura kaleŝo, rapidanta sur la glata angla vojo, al komforta katafalko kaj de tie en la tombokavon muntitan de plena angla komforto. La morto apartenas en la vivon, ĝi estas vivfunkcio — ĝi ne havas patoson, kiel ankaŭ la vivo ne havas. Ankaŭ la revekiĝo por la trumpeto de la Lasta Juĝo estos certe komforta, senpatosa streĉiĝo . . . Kiom mi nun ŝatus lin demandi : »Diru, vi, kiu jam scias, la morto do estas vere nur iom da kokidviando, glaso da madeiro-vino, kaj poste la *eta neceso*, kiu la korpon, irantan al la eterna neniigo, ankoraŭ foje pelas el la lito, poste iom da murmuro, eta dormo, eta vekiĝo kaj ree dormo, el kiu ne estas vekiĝo plu ? Diru, Lytton Strachey, mortinto de la Hieraŭ, ĉu ankaŭ via propra morto estas same tia komiko-tragika, senpatosa, ordinara vivfunkcio, kia estis la antaŭ-cent-jara morto de Gibbon ?«

Se Strachey ne volas kontraŭdiri la verkon de sia tuta vivo, li devas respondi per tomba jes la demandon, ke jes, jes ja, li konsideras ankaŭ sian propran morton tiel gaj-malgaja epizodo, kiel tiun de Gibbon, kiel antaŭ si kaj post si la morton de multe multaj milionoj da homoj.

Ĉar vere, la fundamento de la mondrigardo de Strachey estas, ke ĉia homa grandeco, kiun inter niaj samaĝuloj eble li komprenis pleje, kaj ĉia homa beleco, pri kiu plezuri neniu povis tiom, kiom li, ĉia pasio kaj sufero, kies valoron li mezuris plej akurata inter ĉiuj, ĉio, kion la vivo produktas, estas nur bobelo ŝvebanta sur la surfaco de l' ekzisto . . . ĉio admirinde abomena kaj ĉio respektinde morala, digno kaj vulgaro, genio kaj stulto, bono kaj malico, estas nur pasemaj simptomoj, kiujn, eĉ se ili estas tiom ege geniaj poetoj aŭ scienculoj, en poezio kaj kritiko, egale — atentas nur la rigardo de efemera homo.

Jen la deveno de la ironio de liaj libroj, ĉu li rigardu Shakespeare, ĉu Voltaire. Sed, kiel en la supra citaĵo ni vidis, lia milda moko, lia ironio ne signifas cinikan superemon. Kiu, konante la grandecon, tamen tiel travidas ĝin, tiu povas esti nur ironia. Kaj Lytton Strachey estis tia el la plej bonaj. Tamen, lia solida ver-amo ne lasis, ke sian ironion li perdu en Wilde-a paradoksa ludo — ke li ŝutu nur la brilan polvon de l' moko en la blindigitajn okulojn de siaj legantoj, kiel Shaw —, ke li pruvu nur por la pruvo kaj ke li refutu nur por la refuto, kiel la senfrukta sagaculo de l' logiko, Chesterton.



P. Picasso (Deformado kaj konstruado)

Lia ironio estas nura malgaja humilo, humilo antaŭ la realo, kies postsignojn tra la animo de la plej grandaj homoj li sekvas kun netrompebla certeco — kaj malgajo pro la diseriĝo de la rekonitaj plej valoraj formoj de l' realo.

*Karlo Bodó*

## KILOMETRADO.

(la moderna arto)

La estanteco estas pli komplika ol la estinteco. La hodiaŭo pli ol la hieraŭo. Ĝi estas kiel gelateno, aŭ hidrargo, ofte kiel longa makarono, kiun oni ne scias sendifekte engluti. Ne ĉiuj estas majstroj, ne ĉiuj — italoj.

La provo: klasifiki la modernan arton estas malfacila, same kiel klasifiki la Esperantan Paneŭropon. Facile palpebla, malfacile kaptebla.

Tamen, ia klasifiko estas necesa, kvankam, kompreneble, ĉia klasifiko povas havi nur relativan, pragmatikan pravon. Detala klasifiko, pro la multeco de la direktoj, bezonus cetere multajn, multajn paĝojn, minimume centpaĝan oficialan protokolon.

Tamen, helpe de analiza mikroskopo kaj la daltonismo de l' sintezo, oni povas malkovri la komunan kuŝejon de l' moderna arto. La saĝon (mikroskopon kaj daltonismon) mi ĉerpos por ĉi tiu improvizita artikoleto el diversaj verkoj de mia kolego Jan Brzekowski, specialisto pri ismoj.

La plej ĝenerala klasifiko laŭ kronologia progreso estas la jena :

1908—1918 : kubismo ;
1920—1926 : dadaismo ;
1926— : la tempo de kristaliĝo de certaj valoroj.

La apero de la novaj movadoj (ismoj) en la arto elvokis komence reagon kontraŭ la tradicio. El tio rezultis la opinio, ke la nova arto neas la pasintecon kaj forstrekas eĉ tion, kio estas nediskuteble valora. Tiu opinio ne ĝustas. Kiel la pasinta arto rezultis el antaŭaj epokoj, same ankaŭ la nova rezultas el evoluo. Sed ĝi turnis sin for de la greka arto, kiu sola ĝis tiu tempo estis remaĉata en Eŭropo. Ĝia metamorfozo baziĝas sur aliaj artoj : sur la egipta, asiria, negra ktp.

Krome, ni ne forgesu, gravan rolon ludis la progreso de la fotografio. La fotografaparato atingis la idealon de naturfideleco. La celo de la estetika agemo ne povis esti ĝia imito. En la pentrarto do oni komencis serĉi aliajn valorojn, ol la kiel eble plej fidela simileco al la figurita objekto. Oni klopodis reliefigi la plastikajn valorojn de l objekto per *intenca* deformado. Oni trovis multajn ekzemplojn en la primitiva arto (negra kaj azteka) kaj en la karikaturo. Tio ĉi estas karakteriza por la ekspresionismo, postkubistaj skoloj kaj eĉ por la dadaismo. Dank' al la multaj eblaj kombinoj, la deforma pentrado produktis senliman gamon de formoj, kies eksterordinara riĉo estas ankoraŭ nun prilaborata kaj esplorata.

Jen la distingeblaj etapoj de la deforma pentrarto :

*Impresionismo* : dekomponado de sunradio, deformado de la koloro.

*Cezanismo* : nomo donita al la skolo de Cèzanne : deformado de perspektivo, resuma simpligo de linioj kaj koloroj.

*Kubismo* : deformado de volumeno.

*Ekspresionismo* : troa deforma akcentado de formo kaj linio, resuma densigo de la naturfenomenoj.

*Dadaismo* : enkonduko de la plastikaj valoroj de deformado en la kampon de l' intelekto kaj psiko.

*Surrealismo* : daŭrigo de l' dadaismo, inspirita de simbolismo kaj neoplastikismo.

Ĉiuj ĉi ismoj pli-malpli deformas la naturon, deformas ĝin *intence*, por akcenti aliajn valorojn : anstataŭ *observado* la *abstraktadon*, anstataŭ objektiva *prezento* la plej subjektivan *esprimon*, dinamikan efekton, perfortan streĉon, formeksplodon kaj krome, anstataŭ la neligiteco skemigan ligitecon.

*

Ekzistas tamen alia, nedeforma tendeco: tendenco, kiu konstruas. Ĝi esploras la esencajn, neŝanĝeblajn formojn de objektoj en iliaj plej simplaj aperigoj. Iom post iom tiuj geometriaj elementoj ĉesis esti rigardataj kiel geometriaj ekvivalentoj de l' objektoj : ili fariĝis aŭtonomaj elementoj de la konstruado. La geometria deformado de la gitaro ĉe Picasso fariĝas plastika formo, ekzistanta sendepende de l' objekto, de kie ĝi originis. Per analizo kaj dekomponado oni sukcesis krei plastikajn konstruojn en abstraktaj formoj.

Post kubismo kreiĝis aliaj ismoj, kiuj ankoraŭ pli akcelis la ideon pri la konstruado de la t. n. abstraktaj elementoj. Jen ili : purismo, superregismo (suprematismo), neoplastikismo. Kaj fine oni rimarkas ankaŭ pliproksimiĝon al la naturobservado, sed kun la utiligo de la ĝisnunaj konkeroj ; ĉi tiun direkton, pro ĝiaj severe komponaj klopodoj oni nomas *neoklasikismo*. Kaj ni devas mencii la *literaturan simbolismon* en la arto.

Ne necesas aldoni, ke ĉiuj ĉi tendencoj, la *deforma* kaj *konstrua* kaj la *literatura simbolismo* ofte renkontiĝas kaj intermiksiĝas. *S. Grenkamp.*

# RECENZO



*Ĉiujn librojn, ricevitajn en du ekzempleroj, ni recenzas. Unuope ricevitajn librojn ni nur mencias. — La recenzoj esprimas nur la opinion de la recenzinto kaj ne tiun de la redakcio. Pro tio la redakcio tre volonte publikigas interesajn kontraŭopiniojn, koncernantajn iujn aperintajn recenzojn. — La libroj, ĉi tie menciataj kaj recenzataj, estas haveblaj ĉe la librofako de nia eldonejo.*

LA STRANGA BUTIKO. Originala poemaro de Raymond Schwartz, kun multaj ilustraĵoj de Raymond Laval. Formato 15.5×11.5 cm. 128 paĝa. Kun dukolora kovrilo. Eldono de la aŭtoro. Ĝenerala deponejo : Esperantista Centra Librejo Paris 6-a, 11 rue de Sèvres. Prezo fr. fr. 12+30%.

En la Plena Vortaro oni metis neologismon kiu ŝajnis al mi pli necesa ol multaj, la vorton 'humuro', kun signifo 'originala kaj milda gajameco, speco de ŝerco, precipe ĉe la anglaj aŭtoroj, laŭ kiu la verkisto elmetas serioze kaj science satirajn burleskaĵojn.

Nu, sen akcepti plene la difinon, mi konsentas, ke al multaj anglaj verkistoj apartenas la talento : verki librojn, kiuj elvokas ridadon, kelkfoje konvulsian ridadon, per burlesko kaj ankaŭ per satiro : sed mi ĉiam pensis, ke speciale sur la kampo de satira humuro estas dotitaj multe da francaj verkistoj, kaj certe delikatan ironion de plej ridiga speco oni trovas ne nur en libroj de la majstroj, ekz. Anatole France, sed ankaŭ en la noveloj de la semajnaj gazetoj, kaj en la varieteoj de la provincaj francaj urboj. (En Parizo mi vidis precipe nur spektaklojn.)

Kaj ĉiam mi ĝojis, ke en nia kulturo de Esperanto ni posedas verkiston prezentantan al ni humuron de plej alta kvalito, kiu, ĉu prave aŭ malprave mi kredas ĝin esence latinida, estas ege necesa por kulturo internacia. Tiel ankaŭ mi ĝojas nun, ke la nova poemaro de Raymond Schwartz ankoraŭ pravigas min en mia admiro kaj dankemo al li. Legante ĝin, mi ricevis ne nur la feliĉecon kiun donas al mi lia satira humuro kaj lia ŝajne neelĉerpebla provizo de ŝercoj, sed la senton de mensa kontento, de mensa bonstato, kiun, de tempo al tempo, kapablas doni al ni verko, kiu ŝajnas atingi perfektecon en sia sfero.

Mi ne volus pretendi, ke ĉiuj poemoj havas same altan kvaliton. Efektive, kelkaj el ili apenaŭ indis la represon el diversaj gazetoj. Sed tiuj kelkaj neniel povas

forpreni la valoron de la ceteraj. Inter miaj preferoj mi menciu kelkajn : la poemo *Orangŭtango* montras tiun terecan fantaziemon, kiu ravis min multfoje en la verkoj de Schwartz, *Sibilla Orakolas* enhavas, en ŝerca formo, tiom da historio el la movado, kiom povus enteni tuta ĉapitro de doktoro Privat, *Lamentado* rave pikas la tendencon de multaj verkistoj al enkonduko de literaturemaj neologismoj, *Laŭ Vidpunkto de Heliko* estas science senbaza, tiel oni informas min, sed literature ege amuza, *Pri Somero* enhavas parodion de bona kvalito. Ĉiuj poemoj, senescepte, pruvas ke la aŭtoro havas majstran kapablon jongli kaj ludi per nia lingvo, kaj eĉ nur de tiu lingva vidpunkto la legado de lia nova verko estas preskaŭ devo de ĉiu maturmensa Esperantisto.

Intence mi devas diri : maturmensa. Multo el tiu ĉi verko ne taŭgas por tiuj, kiuj ĝuas ankoraŭ la revojn de mensa juneco ; sed la legantoj de »Literatura Mondo« supozeble estas maturmensuloj, kaj, leginte la verkon, scios taŭge pruntedoni ĝin al siaj amikoj kaj amikinoj laŭ la etiko de sia medieto.

Persone, mi dankas pro la nova libro ; ne nur pro la plezuro kiun ĝi donis al mi, sed pro ĝia valoro por nia kulturo. Mi kredas, ke la humuro estas esenca afero en la vivo, tiom necesa, kiom la serĉado de belo, kaj kiu konsentas kun mi, tiu rapidos aĉeti la novan verkon de Schwartz, kaj vicigi ĝin inter niaj plej bonaj verkoj de belliteraturo.

*K. R. C. Sturmer.*

K. KALOCSAY : ETERNA BUKEDO. 260 tradukitaj poemoj el 22 lingvoj kaj de 111 aŭtoroj. 352 pĝ. 20×13.5 cm. Sur peza holanda senligna papero, en arta duonleda bindo. Eldonis : Literatura Mondo, Budapest. Prezo kun afranko dolaroj 2.42.

Oni jus sufiĉe diskutis en tiu ĉi revuo pri la kompara valoro de tradukoj aŭ originalaĵoj en Esp-o. Iuj konsideras, ke nia lingvo estas ankoraŭ juna, ke ĝi bezonas esti prilaborita k fleksebligita per konsciencaj tradukoj de altstilaj verkoj : nur tiaj entreprenoj povas liveri al nia lingvo la necesan stokon da vortoj k parolturnoj, riĉigi nian literaturon per la ĝusta esprimo de delikataj aŭ sublimaj pensoj : pruve ili montras la esencan rolon, kiun ludis en franca lingvo la traduko de Plutarko fare de Amyot, en la germana tiu de la Biblio fare de Luther ; ili akcentas, ke Zamenhof mem indikis la vojon, zorgante pri la traduko de multaj diverslingvaj ĉefverkoj, k precipe fajlante tiun admirindan »Biblion«, kiu devas esti la manlibro de ĉiu esp-a verkisto.

Kontraŭe aliaj opinias, ke sen rekta verkado Esp-o ne povas akiri la naturecon, la vervon, la stilliberecon de la naciaj lingvoj ; pli bone estas posedi mezkvalitajn verkojn, kiuj klare pruvas la vivantecon de la lingvo, ol tradukojn de eble perfektaj originaloj, sed kiuj estos ĉiam fremdaj al ĝia spirito :

Ne granda mia glaso, sed glason mian mi uzas !

Ŝajnas al mi, ke, tro absolute elmetita, ĉiu el tiuj du tezoj estas falsa, k, kiel ofte, iliaj aŭtoroj pravas pri tio, kion ili asertas, k malpravas pri tio, kion ili neas. Certe la unua zorgo de la unuaj esp-istoj estis provizi sian literaturon per pli kompleta kolekto de tradukitaj ĉefverkoj : k ni ĉiuj konfesos, ke nun tiu kolekto estas ankoraŭ tre mankhava, eĉ, ke partoj de ĝi estas preskaŭ senvaloraj k postulas reverkiĝon. Nia devo estas do sekvi la ekzemplon de la Majstro, k daŭrigi tiun pacan konkeron al alilandaj belaĵoj. Sed ni ne devas forgesi, ke tiu laboro ne havas en si mem sian celon, ke ĝi utilas nur por prepari vortojn, stilon, modelojn al la originalaj verkistoj, ke ni devas kuraĝigi tiujn — se nur ili havas ian talenton —, kiuj jam de nun ne timas provi tiun gravan taskon : krei rekte en Esp-o beletrajn verkojn. Se en la antaŭmilita epoko estis tro frue por esperi, ke tiuj originalulaj penoj havos konsiderindan frukton, nun la normala k fekunda evoluo de la lingvo obligas la ŝancojn por efektivigi tiujn revojn.

Jen, ekzemplo mirinda klarigas mian penson, k montras, kiel la trezoroj akiritaj per tradukado povas esti uzataj por la originala verkado. Antaŭ kelkaj semajnoj aperis la »Streĉita Kordo« de Kalocsay, laŭ mia opinio la plej bela, la plej korprena, la plej majstra poemaro en nia lingvo. K jus elpresiĝis de la sama aŭtoro »Eterna Bukedo«, poeziaj pecoj de 111 aŭtoroj, tradukitaj el 22 lingvoj. Nu, kiam mi unuafoje legis »Streĉita Kordo«, kvankam pluraj el tieaj poemoj estis jam de mi konataj, mi miris antaŭ la neatenditeco de tiel perfekta k tiel subita poezi-miraklo. Sed la eksplikon mi trovis en la dua libro : nur per konstanta k humila laboro de tradukisto akiris al si Kalocsay tiel nervan verson, tiel streĉan lingvon, tiel lertan rimuzon. Certe la riĉo de l' metaforoj, la delikato de l' pensoj estas pure liaj, sed la sciplenan manieron, kiel li esprimas ilin, li ŝuldas al la longa k pacienca ekzercado super malfacilaj fremdaj tekstoj.

Unu el la plej rimarkindaj akiroj, kiujn li faris en tiu kampo, estas la larĝa, fortefekta ritmo de la aleksandro ; li estas la unua, kiu uzis tiun belan verson en gravtemaj poemoj, kiel la soneto pri la morto de Th. Cart :

En la okuloj tremas funebra larmobrilo . . .

De la franca k pola literaturoj li pruntis ĝin, k donis al ĝi en Esp-o veran civitrajton. Estas ja interese sekvi la etapojn de tiu prunto. Komence, li observis severe la jambecon en la dua hemistiko, k tio trudis al li foje dolorajn inversiojn, kiel en tiuj versoj :

Ŝi min komprenas plene — ĉi diafana koro,
Ve ! sole por ŝi ĉesis *problem' esti* fatala . . .

Sed poste li rekonis, ke oni povas allasi la horjambon (-oo-) tiel bone en la komenco de la dua hemistiko, kiel de la unua. K nia poezio posedas tiel verson sufiĉe fleksreblan, kun tiuj kvar formoj :

(regula) Al mar' alia blua, de briloj radiata . . .
(komence horjamba) Diru, ĉu via koro ne tiras for, Agata...
(meze horjamba) Ne estas servistino, kun post dir' tiela...
(dufoje horjamba) Fari valoran verkon, plenan de tim kaj ĉarmo . .

Oni povus teorie trovi kvinan per la uzo de la stumblo en la dua hemistiko, sed tiun licencon Kalocsay evitis en tiu ĉi libro. Verson, kiu tekstis unue :



Stanislao—Grabowski (Negeometria konstruado)

Post ŝipoj glitadantaj tra l' amara ondar'...
li korektis poste per :

Post ŝip' glitanta tra la amara abismar'...

Sed mi opinias tiun severecon troa : la stumblo en la aleksandro plaĉas al mi, se ĝi ne estas tro ofta ; ne malpli ol en la deksilabo.

Ĉi tiun verson li tradukas per kvinjambo, kun meza, lokvaria cezuro, permesante al si komencan horjambon k finan stumblon, laŭ la tri sekvantaj skemoj :

(regula) Ĉe la enir' kaj kulpojn ekzamenas...

(horjamba) Kiam al la ruino ili venis...

(stumbla) Kaj kiel sturnoj en temp' de malvarmo..

Per tiuj du harmonie konstruitaj versoj k per la normala serio de la kutimaj versoj, konsistantaj nur el jamboj, trokeoj aŭ amfibrakoj, Kalocsay tradukis plej diversajn poemojn laŭ plej diversaj teknikoj, penante konservi, krom senco k rimo, ankaŭ la originalan ritmon. Preskaŭ ĉiam li sukcesis, dank' al sia lerteco, al sia kono de ĉiuj eblecoj de nia lingvo, al sia aŭdaca uzo de poeziaj koncizigoj k neologismoj. (1) Mirinda estas lia fideleco. Mi prenos nur unu ekzemplon, ĉar ĝi ŝajnas al mi karakteriza. Bone konata estas la lido de Heine :

Ein Fichtenbaŭm steht einsam
Im Norden auf kahler Höh.
Ihn schläfert ; mit weisser Decke
Umhüllen ihn Eis und Schnee.

Er träumt von einer Palme,
Die, fern im Morgenland,
Einsam und schweigend trauert
Auf brennender Felsenwand.

De tiu mallonga sed sentplena poemo mi konis jam tri tradukojn : jen tiu de Zamenhof :

En nord' unu pino en solo
Dormetas sur nuda altajo ;
Glacia kaj neĝa tavolo
Ĝin kovras per tomba tolajo.

Ĝi sonĝas, ke palmo gracia,
En unu dezert' orienta,
Eterne pri lando alia
Malgaje sopiras silenta.

Ĝi estas, laŭ la kutimo de Zamenhof, pli adapto ol traduko. La jamb-anapestan ritmon de Heine li anstataŭigas per amfibraka ; li rimas ĉiujn versojn, dum en la originalo rimiĝas nur la paraj ; k tio devigas lin uzi adasismon (altajo-tolajo). Li ne observas la alternon de inaj k viraj finajoj. Pri la senco, li ne redonas la ripeton de »Einsam«, kiu estas la kerna vorto k la esenca ideo de la poemo. Fine li tute ne tradukas la lastan verson, kiu tiel arte kontrastas kun la 4a.

La dua traduko estas de Sro Döring :

Abio altleviĝas
Sur norda mont' izola ;
Ĝi dormas, dum ĝin kovras
Glaci' kaj neĝo mola.

Ĝi sonĝas pri la palmo,
Staranta en orient'
Sur roko sunbrulanta,
Funebre, en silent'.

Jen kelka plibonigo. La tradukinto konservis la virajn rimojn en la dua strofo, sed ne en la unua, kiun cetere li rimas per proksimumoj : izola devus kvalifiki la abion, ne la monton (eĉ sur izola monto povas stari multaj abioj) ; *mola* estas neelvokiva k neutila »kejlo«. La ritmon de l' originalo li aliformigis, ŝanĝante la varian kadencon per severe jamba skando. Rilate la sencon, li forlasis en la dua strofo la »Einsam« pri kiu li jam faris kontraŭsencon en la unua. Mi ne parolas pri nuancoj, kiel la tro reliefigita *altleviĝas*, aŭ la neĝusta uzo de la artikolo en *pri la palmo*.

La tria traduko estas de Zanoni (Sro Pillath) :

Pinarbo staras sola
En nordo, sur nuda altaj'.
Ĝi dormas ; el neĝ' kaj glacio
Ĝin kovras blanka litaj'.

Sonĝadas ĝi pri palmo
Ĝemanta en orient',
Soleca, sur arda deklivo,
En maldolĉega silent'.

Ĝi estas nete supera al la antaŭaj, k pli ekzakta pri ritmo k rimoj ; sed ĝi konservas la Zamenhofan adasismon, iom mildigitan, vere, per la sameco de la apogkonsonanto. Koncerne la sencon, *litaĵo* estas malmulte poezia, *ĝemanta* estas malpli ĝusta ol *sopira* aŭ *funebra ;* la aŭtoro konservas feliĉe la ripeton *sola-soleca,* sed, kiel la aliaj, li inversias la du lastajn versojn, rompante la delikatan simetrion inter la du strofoj.

K nun, jen la traduko de Kalocsay :

Pinarbo staras norde
Sur kalva mont', en sol'.
Ĝi dormas (1) ; glacio, neĝo
Ĝin kovras per blanka tol'.

Kaj sonĝas ĝi pri palmo,
Kiu en suda land',
Sola, funebra, mutas
Sur arda, altroka rand'.

Ties ritmo estas tiel fidela, ke oni povus kanti la tradukon laŭ la muziko komponita por la originalo. K malgraŭ tiu fideleco, nenia forlaso, nenia aldono : strikta k alĝustita vesto. La paraleleco de la du strofoj estas kontente respektata en la finaj versoj : *dormas* respondas al *mutas* kiel *blanka·tol* al *arda rand'*.

Oni ekskuzu mian iom pedantan komparon, sed, ĉar temas pri traduko, necesis trarigardi almenaŭ unu ekzemplon laŭ plej etaj detaloj antaŭ ol elpaŝi kun preciza juĝo. K oni komprenos laŭ la supra studeto, kian talenton postulas tiu traduka procedo. Ne ĉiu povas ĝin apliki, ankaŭ ne ĉie ĝi estas aplikebla. La lingvoj, efektive, ne estas ĉiuj egale koncizaj : se la traduko el la franca, germana, itala aŭ pola povas, dank' al la uzado de plej koncizaj parolturnoj, preskaŭ ĉiam konservi la saman nombron da silaboj, kiun havis la originalo, tio ne estas plu ebla kun la angla, ekzemple. Kalocsay brave ne kapitulacis, k malgraŭ ĉiaj malhelpoj persistis traduki en ekzakte sama ritmo la *Korvon* de Poe k la *Odon al la okcidenta vento* de Shelley. Sed antaŭ la *Nokta Renkonto* de Browning li konfesis sin venkita, k devis pliigi la silabnombron de sia verso. Tiaj kuraĝaj provoj ne estas senutilaj, sed ili montras klare la neeblon traduki »laŭsilabe« anglan poemon. Se li saviĝis senvunde de la terura *Korvo*, pro sia lertmoveco, tamen li perdis kelkajn harojn sub la furioza blovego de la *Okcidenta Vento*. La trudo de la kvinjambo devigis lin ekzemple traduki »leave« per »branĉo«, anst, »folio«, k tio bedaŭrinde mis-

(1) Pri tiuj du lastaj punktoj mi ne volas insisti, resendante la scivolemajn al la prelego »Evoluo de nia poezia lingvo«, kolektita en la samaŭtora »Lingvo, stilo, formo«. La en tiu ĉi libro uzitajn neologismojn mi ĝenerale aprobas, krom *bisso* k *Gallo*, anstataŭ kiuj oni jam uzis *bisuso* (Verax) k *Gaŭlo* (id.). Tiuj duoblakonsonantaj vortoj ĉiam ŝajnos en nia lingvo neasimilitaj fremdajoj. Pri *cico*, kreita de Kalocsay por signifi »mampinto« kun karesa nuanco, la formo estas maltaŭge elektita, ĉar ĝi malbele sonas, k ankaŭ memorigas tro la germanan *Zitze*. La internacia formo estus *tito* aŭ prefere *teto* (Germanika : *titte*, Irlanda *did*, Angla *teat* — pr. : tet -, Franca *tette*, Itala *tetta*, Hispana *teta*) ; sed restas la malfacilo, ke en preskaŭ ĉiuj tiuj lingvoj, la vorto estas uzata nur por bestoj.

(1) La teksto liveras : *sonĝas*, kredeble pro preseraro.

formas plurajn versojn. Lavenontaj tradukistoj ne obstinu do en tiu sisifa laboro, k elektu, anstataŭ la tro strikta kvinjambo, pli taŭgan ses- aŭ sepjambon. Kvankam oni ofte provis traduki plej ekzakte Ŝekspiron en la francan, neniu eĉ eĉ havis la ideon uzi por la versaj partoj la francan deksilabon, kiu tamen ritme respondas al la angla kvinjambo: ĉiuj uzas la plilongan aleksandron. Ni faru same en Esperanto. Ekzistas la alia rimedo, montrita de Kalocsay en sia postparolo: konservi la saman ritmon k pliigi la nombron de la versoj: sed ĝi kondukas al tiu senverva, senspina k senenhava kvinjambo, kiu floras tro ofte en la Zamenhofa Hamleto:

Kiun ni vidis jam la duan fojon...
Ke ĝi forjetu sian obstinecon...
En la momento, kiam tiu stelo...
En tiu sama loko, kiel nun...
El kia kaŭzo tiu rapidado... ktp. ktp.

versoj, en kiuj estas nur po du esprimivaj vortoj, ĉirkaŭitaj de vanta gramatika balasto. Tiu dua procedo, ĉar pli rutina, favoras la malstreĉon k, se licas diri, la vortlakson. La unua, male, eble pli eksterkutima, instruas la densecon de la stilo k drastecon de la verso. Mi kredas, ke ne dubas la elekto.

Sed kial paroli plue pri ritmo, k procedoj k teorio? Kial difekti nian plezuron per vana cerbumaĵo? Ni prenu la libron k legu, en kiu ajn paĝo. Ĉie ni admiros. Jen kolekto el la plej belaj floroj de la Eŭropa k Azia literaturoj, kolekto senprecedenca en nia historio. Kiam en 1896 Grabowski, al kies memoro estas dediĉita tiu ĉi verko, publikigis la »Liro de Esp-istoj«, li intencis doni internacian antologion: sed li devis voki al sia helpo almenaŭ 18 kunlaborantojn, kaj tamen liveris ion tre mankhavan k neperfektan. Hodiaŭ, sola, Kalocsay donas al ni dikan libron, kiu entenas preskaŭ ĉiujn poemojn konatajn k amatajn de kulturita homo. Li avertas, ke li ne pretendis fari per sia elekto valorjuĝon pri la tradukitaj verkistoj aŭ lingvoj. Tre certe, sed tamen estas interese, por koni liajn preferojn, iom esplori la enhavtabelon; ni vidos, ke li tradukis el la hungara 33 poemojn de 6 aŭtoroj (1179 versoj); el la franca 34 poemojn de 16 aŭtoroj (699 v.); el la germana 23 de 6 aŭtoroj (699 v.); el la angla 24 de 9 aŭtoroj (619 v.); el la itala 14 de 6 aŭtoroj (487 v.). Inter la aŭtoroj prezentiĝas precipe Petoefi, Baudelaire k Verlaine, Goethe k Heine, Ŝekspir, Dante k Carducci. Se ni almetas grekan k latinan literaturojn, ni havos ideon pri la vasteco de lia kulturo k la diverseco de liaj gustoj. K pri lia *bunta* scivolo atestos tradukoj el Li Tai Po, Kikaku, Tagore aŭ Semper. Ĉio tio konsistigas majstroverkon, en kiu ĉiu legonto trovos plej ŝatatajn perlojn de sia propra literaturo, k miros, ke sub la esp-a formo, ili ne perdis sian belon. Ĉu Goethe mem ne estus aminta tiun »Simila« (verdire, mi preferus: »Simileco«)?

Super pintoj pendas
Silent'.
Vi apenaŭ sentas
Spiron de vent'
Sur arbfoli'.
L' arbar' ne resonas jam trilon.
Baldaŭ — trankvilon! —
Kuŝos ankaŭ vi.

Ĉu Verlaine ne agnoskus tiun »Aŭtuna Kanto«?

La velksezon'
Per violon'
Ĝemo-sona
Vundas ĉe l' kor'
Min per langvor'
Monotona.

Sufoka nun
Kaj pale, dum
Tintoj horaj,
Memoras mi
Kaj ploras pri
Tagoj foraj.

Mi vagas, jen
Zigzagas en
Vento forta,
Kun svena fal',
Simile al
Branĉo morta.

Same perfektaj estas la tradukoj de tiu Baudelaire, kiun oni volonte kredus netradukebla. Post tiuj pruvoj oni ne rajtas pridubi plu la poeziecon de nia lingvo, kiam ĝi estas forĝita de vera poeto.

Teme pri tia monumento, kiu devas esti la biblio de ĉiuj poezilernantoj, k la preĝolibro de ĉiuj versamantoj, ridinde estus gravmiene recenzi pri bagateloj, papero, bindaĵo (tre klasika, kiel konvenas al la enhavo), preseraroj (maloftegaj pri literoj: mi notis nur *netedruebla* pĝ. 263, sed oftaj pri apostrofoj), fantazia ordigo de la poetoj, kiu malfaciligas la serĉon ktp. Tamen pri la lingvo, kiu estas ĉiam tre klara k klasikstila, mi volas signi nekorektan parolturnon, almenaŭ dufoje troveblan: »senti, ke la Tempo kiel flugas« (pĝ. 263) — »Montru, ke mi harojn miajn kiel ligu« (pĝ. 275). Mi ne scias, el kia lingvo Kalocsay tiris tiun monstron, sed en Esp-o estas neeble subordigi la saman verbon al du malsamaj konjunkcioj; oni devas diri: »senti, kiel la Tempo flugas« — »Montru, kiel mi ligu...« Apenaŭ akceptebla estus la greka maniero: »senti la Tempon kiel ĝi flugas«, sed tute ne tiu sekvo: ke... kiel... Cetere tiun eraron rimarkos nur ia seka gramatikisto, kiel mi — k eĉ mi devis batali kontraŭ la sorĉado de la magiisto...

Estas antikva k bela kutimo en Anglujo, solene elekti inter la poetoj tiun, kiu ŝajnas plej bone respeguli la nacian menson, k porti plej alten la gloron de la patra lingvo. Se ekzistus ia Esp-ujo, se Esp-a popolo k Esp-aj Institucioj estus alio, ol nuraj vortoj, mi kredas, ke pri tia elekto oni ne hezitus, k kiel laŭreat-poeto de Esp-o estus unuvoĉe aklamita la majstro de »Streĉita Kordo« k »Eterna Bukedo«, Kolomano Kalocsay.

*G. Waringhien.*

PRUDENCI BERTRANA: Barbaraj prozaĵoj. El la kataluna tradukita de *Jaume Grau Casas.* 59 paĝoj. Eldonejo: Ferdinand Hirt und Sohn, Leipzig Prezo Mk. 0.80 + 10%.

Tiuj ĉi prozaĵoj ne estas noveloj. En ili okazas preskaŭ nenio. La verkisto kun akurata observkapablo pentras scenojn el la vivo de simplaj kamparanoj. La aŭtoro nomas tiujn ĉi skizojn »barbaraj« kaj la nomo trafe karakterizas ilin pro la preskaŭ kruela akreco de l' reflektorlumo projekciita sur la figurojn. Tamen tiun ĉi krudecon mi trovas intenca artista procedo, el sub kiu mi eksentas la varmon, la kompaton de l' verkisto, per kiu li sintenas al siaj temoj, figuroj. El la tri pecoj prenitaj el la volumo »Barbaraj prozaĵoj« pleje impresis min »La forlasita vojo«. Ĝi estas preskaŭ spektra vizio pri vojo, kiu iam estis ĉeflinio de l' trafiko, de komercistoj kaj banditoj kaj kiu dronis en forgeson. La vojaĝanton nekontraŭstareble obsedas la fantomoj de l' pasinto, en la tuta bildserio vibras ia nervoza streĉo, kiun la leganto trovas parenca al tiu de la Poe-noveloj.

Krom la tri skizoj la libro ankoraŭ enhavas fragmentojn de pli longa novelo: »Josafat«. Ĝi estas pasia kanto de la karna amo, verkita per neĉiutaga sugestia forto. Sed la tradukanto kial ne aperigis ĝin *plene* en aparta volumo? Jam definitive forpasis la tempo, kiam oni ankoraŭ povis regali nian publikon per »fragmentoj«.

La stilo de l' traduko estas bona... Kelkaj rimarkoj. La tradukanto alterne uzas la radikformojn *sugesti-* kaj *sugest-*. Mi ne trovas nepre necesa la uzon de ambaŭ formoj, sed se oni jam uzas... (pere de anglaj esp-istoj *sugest-* penetris en nian lingvon), mi nuancigus ilin jene: *sugestii*: trudi al iu iun penson (en hipnoto), *sugesti*: sinonimo de *proponi, konsili, rekomendi.* En la esprimoj: »iu terura herezo«, »iu timiga fatalismo« *iu* estas malĝuste uzata anstataŭ *ia.* La uzon de la neologa vorto »sekvestri« mi ne trovas necesa. »Konfiski«, »rekviri« bone

taŭgas por la esprimo de l' sama ideo. (Magistrate konfiski ion.) Sed en la traduko ĝi eĉ estas erare uzata : »... bandoj de rabistoj harditaj kaj kruelaj, kiuj sekvestris, rabis kaj mortigis laŭplaĉe.« Tie ĉi mi uzus »kaperi« aŭ »predi«. »Mortiĝis« anstataŭ »mortis« mi volas kredi preseraro. Ĝenas ankaŭ la trouzo de la sufikso ad.

*Ludoviko Totsche.*

La GRANDA OFICIALA LIBRO PRI LA POLUS-TRAGEDIO DE ANDRÉE, »Per balono al la Poluso«, fariĝis tre granda sukceso. De la tuta eldono restas nur ĉirkaŭ cent ekzempleroj, kiujn la eldonejo Eld. Soc. Esperanto, Stockholm, Svedujo, konservos por la estonteco.

ĈU LA TUTMONDA ESPERANTISTARO POVAS EFEKTIVIGI SENARMILIĜON? Cirkulero, eldonita de la Pacifista Unuiĝo. Bonega pruvo pri la apliko de Esperanto en la pacifista movado.

KONVERSACIA GAZETO. LA ENIGMOJ. Eldonejo: Internacia Ĉeĥ-Instituto de Esperanto.

Utilaj tekstoj por enkonduki novajn esp-istojn en la esp-istan vivon kaj por ekzerco de la lingvo.

## REDAKCIA POŜTO

*Nia filmrubriko* pro teknikaj kaŭzoj aperos nur en la marta numero. Bonvolu pardoni tion al ni.

*Al niaj afablaj helpantoj.* Ni presis novajn grandformatajn kvarpaĝajn prospektojn dukolorajn, kiujn tre volonte ni sendas al ĉiu, kiu deziras helpi nian propagandon.

*Preseraroj* en la januara numero. Malgraŭ plej zorga korektado, en la januaran numeron ensoviĝis du gravaj kaj tre miskomprenigaj preseraroj. Ili estas en la artikolo »Al la leganto«. Bonvolu korekti. En la unua kolono, desupre la 13-a vico sonas ĝuste : »ke ni ne laboris malbone en la jus pasinta jaro. En la 30—31-a vicoj anst. »ridigiĝintaj« bonvolu legi : »rigidiĝintaj«.

*Neologismoj, netroveblaj en la Plena Vortaro*

aprezi = ĝuste taksi
bobelo = sapveziko
bunta = multkolora
dura = malmola
eseo = literatura studo
evento = (grava) okazajo
K, k, = kaj
lido = speço de ĉefe germanaj poemoj (lied)
odekolono = kolonja akvo
simuli = ŝajnigi

## Kien sendi monon por abono kaj librojn?

### Al niaj reprezentantoj

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek, *Wien*, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**Aŭstralio** L. E. Thomson, *Pymble N. S. W.* Tallangetta, Church str.
**Belgujo:** Belga Esperanto Instituto *Antwerpen*, Kleine Horndstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58. Flandra Esperanto-Instituto. *Kortrijk*, Marckestcenweg 18, poŝtkonto no 196906.
**Britujo:** Alec Ventura, *Mitcham*, (Surrey) 42 Hawkes Road.
**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto« *Sofia* str. Maria Luiza 38.
**Ĉeĥoslovakio:** *Hradec-Kralové.* Otto Sklenĉka.
**Danujo:** Isosek, sro L. Friis *Aabyhöj*, Frodesvej 21.
**Estonio:** Helmi Dresen, *Tallinn*, Poŝtkest 6.
**Francujo:** Salo Grenkamp Kornfeld, *Paris*, 14 e, 117. Bd Jourdan poŝtkonto nro Paris C. 1052—01.
**Germanujo:** Postĉekkonto de Vilmos Bleier, *Berlin 138084*
**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat, *Barcelona*, str. Provenza 75, 2—3a
**Italujo:** Itala Esperanto Centro *Milano*, Galleria Vittorio Emmanuele II. 92.
**Jugoslavujo:** Sudslava Esperanto Servo *Zagreb*, Primorska 11.
**Latvio:** A. Libers. *Jelgava* »Jelgavas Audums«
**Nederlando:** Leo Moreau, *Arnhem*, Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.
**Polujo:** Halina Weinstein, *Warszawa*, str. Leszno 99 Izrael Lejzerowicz, *Lodz*, Skwerowa 20. Poŝtkonto nro w. P. K. O. 68273.
**Rumanujo:** Esp.-Instituto Rumana, *Cluj*, str. Bravilor 15
**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578
**Svisujo** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, *ST. Gallen* C. Gallusstrasse 34.
**Japanujo:** Japana Esperanto Instituto *Tokio*, Uŝigomeku, Ŝin' Ogaŭamaĉi III.
**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) Sherlok Hotel

## Nia nova abonprezo

Bonvolu noti : Tutjara abono dol. 1.80, duonjara dol. 1.—, kvaronjara dol. 0.60. Opa numero dol. 0.20.

**Responda redaktoro: Karlo Bodó**

**Redaktoroj: Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche**

**Ĉefkunlaborantoj:** *J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann (Leipzig), J. Berger (Köln), M. Blassberg (Krakow), S. Bartha (Budapest), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz,) Petro Firu (Bucurest), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Parvus Piscis (Budapest), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), S. Kamaryt (Bratislava), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloŝ Lukáŝ (Trnava), Alessandro Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Paris), P. Nylen (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), Kenelm Robinson (London), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), L. E. Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof. Feliksi Zamenhof, Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (ĉiuj en Warszawa).*

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

Pestvidéki Nyomda Vácon. Felelős szerkesztő: Bodó Károly. Felelős kiadó: Zöldy István